XXXIII-a Jaro — N-ro 447-448 — Aŭg.-Sept. 1937


# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto-Asocio


# La Jubilea Kongreso brile pasis. Belegaj manifestacioj; nenia solvo de la organiza dueco



Malfermo de la Jubilea Kongreso de Esperanto en « Filharmonio », Varsovio — 8an de Aŭgusto 1937.

La nigraj nuboj, kiuj pendis dum la jaro super la universala kongreso, feliĉe disflugis. La partopreno de la kongreso, malgraŭ nunaj komplikaĵoj en la trafiko, estis tute bona kaj memorigis al pasintaj pli bonaj tagoj. Aliĝis ĉirkaŭ 1200 kongresanoj kaj partoprenis la kongreson pli ol mil personoj.

Riĉa kongresprogramo, preskaŭ tro riĉa, por ke ĉiu povu ĝin partopreni, atendis la kongresanon. El la multaj specialaj aranĝoj pro la Jubileo kaj la kongresloko, estu citataj la manifestacio ĉe la tombo de D-ro Zamenhof, la festo de la veteranoj, la ekspozicio kaj la pilgrimado al Bialystoko.

Malgraŭ kelkaj manketoj en la detaloj ĉio bone sukcesis. Grava malhelpo en la sinsekvo de la programo estis la distancoj, ĉar Varsovio estas urbo vasta kaj la lokoj de la manifestacioj en malsamaj partoj. Alia kaj tuj sentita malhelpo estis la lingvo. La kleruloj kiuj diras, ke per la 3 ĉefaj lingvoj oni povas facile vojaĝi, ricevus en Varsovio netan malpravigon de tiu ĉi aserto.

La vetero favoris la kongreson. Suno brilis kaj regis varmegeco kelkfoje sufokiga. Se estas plendo, tiam estas pri la prezoj en tiu ĉi urbo, kiujn la plimulto de la eksterlandanoj trovis eksterordinare altaj por multaj objektoj. La vivo mem laŭŝajne estas malmultekosta, sed estas la aldonaj pagoj por akcesoraĵoj, kiuj por aro de kongresanoj modifis esence la budĝeton.

Se ĝis tie la konstatoj estas nete favoraj, tiam ili ne estas tiaj pri la grava problemo, pendanta super nia Esperanto-mondo. Okazis intertraktadoj de la du organizaĵoj, UEA kaj IEL sub la prezido de D-ro Adam Zamenhof, filo de la aŭtoro de nia lingvo. La diskutoj ne donis rezulton. Ni do devas antaŭvidi por la estonto du paralelajn organizaĵojn, la malnovan UEA kaj la novan IEL, ambaŭ kun statuto preskaŭ identa. La nova ligo tute simple kopiis la statuton de UEA, ŝanĝante nur iujn detaletojn.

Ankaŭ pri la estonta kongreso ne estis atingita interkonsento. Ambaŭ invitoj : de Bern subtenita de registaro, kaj tiu de London ne estis submetitaj al la kongreso. Estas do versajna, ke okazos unu kongreso en Londono kaj unu en Bern. Bedaŭrinda konstato, sed ŝajne ne ŝanĝebla.


## Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : Nova adreso : Palais Wilson, Genève, Svislando

# La Jubilea Kongreso de Esperanto Varsovio 7-14 Aŭgusto 1937

# La Malfermo

La malfermo de la kongreso okazis en la belega salono de la Varsovia Filharmonio. Ĝin antaŭiris meto de florkrono en Palaco Belweder, memore al Marŝalo Pilsudski.

La vastega salono de la Filharmonio komencis pleniĝi per samideanoj kaj je la komenco de la malfermo ne plu ŝajnis esti libera loko. Sur la estrado, riĉe ornamita, staris busto de D-ro L. L. Zamenhof, la kreinto de la lingvo. En anguloj de la salonego pendis la flagoj de ĉiuj nacioj, partoprenantaj la kongreson.

Prenis lokon sur la estrado la kongresestraro, proponita jene kaj akceptita :

Honora Prezidanto : Prof. D-ro Odo Bujwid.

Kongresa prezidanto : S-ro Bogdan B. Wyszynski (Vic-direktoro en la kabineto de Trafik-Ministro)

Vicprezidantoj : S-ro Generalo Bastien (por IEL) :
S-ro K. M. Liniger (por UEA)

plie la kutimaj naciaj vicprezidantoj.

Ĝenerala sekretarioj : S-ro Aleksander Hartman.

Sekretarioj : S-ro Cz. Pruski, S-ino Tazbirowa. F-ino Goldsmith.

Honoran lokon okupis S-ro Paul Nylén, de Svedujo, pioniro el la unua epoko.

Eksonis la pola himno, ludita de Fajrobrigada muzikistaro. Malfermis la kongreson S-ro Vic-direktoro Kabineta Bogdan Wyszynski, per mallongaj vortoj, esprimantaj la ĝojon vidi la Esperantistojn, reunuigitajn en Varsovio por memori tiun, kiu kreis la lingvon.

Sekvis lin en la parolvico Profesoro Odo Bujwid, la nestoro de la polaj samideanoj, tondre aplaŭdita. Simplanime kaj profundsente Prof. Bujwid pentris la vivon de la majstro, montris la dornan vojon, kiun li iris, ne ŝancelante, ne hezitante. Kion pensuloj kaj scienculoj difinis, utopiistoj revis, Zamenhof realigis. Al li apartenas la gloro esti kreinta lingvon internacian simplan kaj taŭgan : Esperanto, la lingvo, kiun ni ĉiuj amas. Vivu la memoro de Zamenhof, pensulo, lingvisto, sed antaŭ ĉio homamanto. Nefiniĝanta aplaŭdo sekvis la vortojn de Profesoro Bujwid, videble emociita pro ĉio.

La belsentan prozon de alte ŝatata Profesoro Bujwid sekvis procirkonstanca poemo, deklamita de Julio Baghy :

La himnaj akordoj resonas en koro
kaj lulas ĝin penso pri l' duonjarcent'
La tempo agendas pri longa laboro,
pri mil pioniroj, mil agoj de l' Sent'
kaj tremas surlipe pro l' ĝojo jubiloj
en urbo, de kie forflugis la vok',
al kiu respondas nun voĉ' de centmiloj
per lingvo mirakla de nova epok'.

Jen vidu, pilgrimo el ĉiu mondparto
tutkoran saluton nun portis al vi
kaj dankon pro viaj kompreno kaj varto
ho, pola popolo kaj urb' Varsovi'.
Ni venis kun pio, kun frataj deziroj
Jubili kun vi pro l' libero de l' ter',
en kiu ripozas la polaj martiroj
en kiu ekĝermis la flor' de l'esper'.

Ni venis memori pri verva komenco
kaj festi atingon de nia vojmez',
firmiĝi en Kredo, nobla intenco
kaj marŝi plu brave laŭ ĵura promes'.
Gefratoj, kuraĝe do supren la koron
kaj alten la flagon por bela estont',
la halto solena inspiru laboron
por venko de l'Homo, por gloro de l' mond'.

**Pro abundeco de materialo la raportoj pri diversaj aranĝoj de l' kongreso aperos en venonta numero**

Tiuj vortoj, parolitaj kun konvinka forta voĉo de nia ŝatata Julio Baghy, redonis tion, kion ĉiu en koro sentis. Kaj tondra aplaŭdo, preskaŭ ne finiĝinta, dankis la poeton kaj deklaminton.

Laŭ la tradicio de la universalaj kongresoj venis la alparoloj de la reprezentantoj de registaroj. Malfermis la vicon delegito de la Urbo Varsovio. kies pollingvan alparolon tradukis Ĝen. Sekr. Hartman. La vico de la regnaj reprezentantoj komenciĝis.

Aŭstrio : S-ro Grafo Attems, parolante en Esperanto, transdonante la salutojn kaj bondezirojn de la Aŭstria Registaro.

Aŭstralio Suda : Speciala Delegito, parolinte en Esperanto kaj leginte leteron de la ĉefministro.

Belgujo : S-ino Jennen. (En Esperanto).

Bulgarujo : Por Instru-Ministro Bulg. : S-ro Stojkov. Por la Komerca Ministro : Ivan H. Krestanoff.

Finnlando : S-ro Vilho Setälä, transdonante la bondezirojn de la Finnlanda Registaro, samtempe atentigante pri la daŭra intereso de la registaro, konkrete esprimita per la subvencioj, konsentataj por Esperanto kursoj.

Liechtenstein : S-ro Hans Jakob, memorigante kun la saluto pri la praktika servo farita pere de nia movado al tiu ĉi lando.

*Nederlando :* S-ro J. R. I. Isbrücker salutas la kongreson en sia konata sprita maniero, atentigas pri la eldono de poŝtkartoj oficialaj kun teksto en Esperanto.

Kunigante la saluton de la Nederlanda Registaro kun tiu de la Lingva Komitato kaj Akademio, S-ro Isbrücker fine tuŝis rapide la vundan punkton de nia nuna situacio. Eltirante el la poŝo du jarlibrojn, tiun de UEA kaj de IEL, li diras ke la plej trafa bildo de la situacio estas la ekzisto de du « oraj » Jarlibroj.

*Norvegio :* S-ro Kapitano Rolf Bugge-Paulsen, en la nomo de la N. registaro salutis la kongreson, aludante la historion kaj evoluon de la movado.

*Papuo :* Registara Delegito D-ro Williams (En Esperanto).

La vico de la registaraj delegitoj finis. Venis radi-telegramo de la Kataluna registaro en Esperanto tekstante :

« La hispana popolo, batalante por sia libereco kaj sendependeco, ne forgesas la kvindekjaran jubilean kongreson de Esperanto kaj sendas al ĝi varman saluton kaj bondeziron.

Generalidad de Catalunya ».

Tiu ĉi telegramo, verkita en Esperanto, kaŭzis viglan aplaŭdon.

Sekvas la esp. organizajoj. La vicon malfermas S-ro Louis Bastien, Prezidanto de Internacia Esperanto Ligo, esprimante la dankon de la esperantistaro al lando kaj popolo pola, donacintaj al la mondo geniulon Zamenhof.

En la nomo de Universala Esperanto Asocio parolis post tio S-ro K. M. Liniger, prezidanto de la Provizora Komitato, dirante la jenon :

En la nomo de Universala Esperanto-Asocio, kiun mi reprezentas tie ĉi, mi salutas la Jubilean kongreson. Mi estas feliĉa anonci al vi, ke UEA restariĝis kaj ke ĝi baldaŭ reprenos la rolon, kiun ĝi havis antaŭe en la movado.

Mi ankaŭ estas feliĉa anonci al vi, ke la diversaj malinterkonsentoj, regintaj en nia familia rondo, trovos verŝajne solvon kontentigan por ni ĉiuj. En tiu ĉi solena momento, kiam ni kunvenas en la urbo, kie vivis nia kara majstro, mi deklaras ke UEA kontribuos kun ĉiuj fortoj por la bono de la movado laŭ la ideoj, kiuj ĝin gvidis de ĝia komenco,

Vivu la idealo Zamenhofa, vivu la paco esperantista !

Parolis plie : por

Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista : Pastro Rotondo.
Skolta Ligo : S-ro Joczyski (el Lwow.
Universala Asocio de Blindulaj Organizajoj : S-ro Kapitano Jan Silhan.
Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio : S-ro D-ro W. Róbin.
Frateca Movado : S-ro Bodziechowski.

Poste salutis la kongreson S-ro Kortega Konsisliato Steiner, en la nomo de estinta Ministro Stockinger, nuna prezidanto de la Aŭstria Ŝtata Fervojaro.

Kaj venas la kutima vico de la Naciaj Societoj (aŭ Landaj Asocioj) Malfermas la vicon

Aŭstralio : ..........................................

Belgujo : S-ro Geerinck, el St. Nicolas, en Esperanto, france kaj flandre.

Aŭstrio : S-ro Hofrat Steiner (por la Internacia Esperanto-Muzeo, Vieno.

Britujo : S-ro Bernard Long.

Bulgarujo : S-ro Ivan H. Krestanoff, admonante je konkordo.

Ĉeĥoslovakio : S-ro Robert Bloch : « Sukceson kaj konkordon. »

S-ro Hugo Gahler, en la nomo de la Germana Ligo.

Danlando : ............ « Bonan sukcesplenan laboron ».

Estonio : F-ino Helmi Dresen : Salutas kaj admonas :

« Ne nur ĝojan renkonton, sed seriozan laboron. »

Finnlando : S-ro Vilho Setälä : Salutas en la nomo de ĉiuj finnlandaj E-organizajoj.

Francujo : D-ro Couteaux :

« Plenan kaj bonan sukceson ».

Hungarlando : S-ro Mihalik de Hernadszurdok « Ni ĉesigu la interbatalon ».

Italujo : Franciskano Modesto Carolfi : Pacon, ne nur vorte sed fakte. Kaj kiel franciskano li aldonas « Pacon kaj bonon ».

Japanujo : S-ro Nakahara « Lumo venas el oriento ».

Jugoslavio : S-ro Radošević Zonko : « Plenan sukceson al la kongreso.

Nederlando : S-ro Mooij : por LEEN.
S-ro ........ por NEG.

Norvejugo : S-ino Byę : Salutojn, bondezirojn, instigon je plia fervoro.

Novzelando : D-ro Williams. « Memoru ke en foraj landoj vivas kaj laboras esperantistoj, kiuj deziras hodiaŭ sukcescon al la kongreso.

Svedlando : S-ro Ernfrid Malmgren.

Svislando : D-ro Ed. Spielmann,

Usono : S-ro Dormont, New York.

Sekvis informo pri ricevitaj telegramoj kaj korespondaĵoj :

*Telegramoj :*

S-ro Stanislaw Czarnow en Tarnopol.
S-ro Julian Wieczorek, Plock.
S-ro Emil Meyer, Krakow.
Familio Morariu, Svedlando :
« Konsenton kaj amon sukcesan programon ». Morariutrio.
S-ro Deligny, Saint Omer : " Koran saluton de veterano."
Helena Esperanto-Asocio : " Bondeziras plenan sukceson. "
Grupo Bona Stelo, Romans sur Isère : " Bondezirojn. "
D-ro Dietl, Bad Hall, Supra Aŭstrio.
Esperanto Klubo, Bielsko.
I. P. R. Riga, Latvio (Juschen).
F-ino Julie Supichova ; Praha :
« Tra nuboj brilu la verda stelo ».
F-ino Eileen Daly, Bordighera : " Saluton pacon. "
D-ro Adolf Ingster, Sosnowice.
en la nomo de la esperantistoj de Zaglebie-Dabrovskie.
(deziras unuigajn kaj plifortigajn efikojn).
Antaŭkongreso de Praha : Deziras ke la kongreso nepre atingu akordon inter UEA kaj IEL absolute necesan por plua progresado.
Familio de Antoni Grabowski, Gdynia.
Verkisto Jules Romains Saint Denis sur Seine :
Teksto en Esperanto : Kore salutas kaj deziras sukceson al Jubilea Kongreso.
S-ro Carl Lindhagen, Stokholmo.
Internacia kurso en Helsingoer.
Centra Dana Esperanto Ligo.
Nederlanda Esperanto Centro :
S-ro Ignacy Grundzach, Warszawa.

Bondezir-leteroj

Bulgara Esperantista Asocio, Sofia.
S-ro Czaja, Hoŝuv, / Polujo.
Pola Asocio Esperantista, Hoŝuv
Esperantista Societo, Katowice — Chorzów.
S-ino Ellworthy-Posenaer. Antverpeno :

« ..... mi konis lasttempe grandajn seniluziiĝojn. La majstro konis pli grandajn kaj li restis staranta. Lia ekzemplo gvidu nin ».

Esperantista grupo de Pont-Audemes (Eure).
S-ro Wojcichowski, Lallaumines (Epinette) PdC.
Verda Stelo, Osijek, Jugoslavio.
Esperantista Grupo de Elbeuf, Seine.
Norvega Esperantista Ligo, Oslo.
Itala Instituto de Esperanto.
Esperantista klubo en Ĉ. Budejovice.
Esperanto Asocio de Norda Ameriko, Washington.
F-ino Princess O. Jones, Kansas City, Mo.
Novzelanda Esperanto Asocio, Wellington.
Bahai Esperanto-Klubo, San Francisco, Cal.
Esperantista Grupo de Bruges-Brugge, Belgujo.
Kataluna Esperantista Federacio, Barcelona :

..... Por la esperantistoj kiuj falis por ĉiam stariĝu monumento kaj pensu promesu kaj ĵuru ke kiom ajn longa estas la vojo montrita de la majstro ni iru ĝis la fino ».

S-ino Albina Multrus, Vieno :

Paco, amo kaj frateco: deziro de plej maljuna esperantistino en Vieno.

S-ro J. L. litova esperantisto,
(bedaŭras la maleblon de litovaj samideanoj ĉeesti la kongreson).

Vicministro de komerco kaj industrio, D-ro Adam Rose, Varsovio.

Hispana Esperanto Asocio, Madrido.
F-ino Marthe Root, en Shanghai :
(en la nomo de la Baha-movado)
S-ro Martin Palsberg, Aarhus.
S-ro Delfi Dalmau, Barcelona.
Argentina Esperanto Asocio, Buenos Aires.

« La argentina gesamideanaro tutkore salutas la jubilean kongreson kaj deziresprimas ke la kongresaj debatoj alportu repacigon kaj harmonion por la tutmonda familio esperantista ».

Hungara Skolta Asocio, Budapest.
Esperanto Asocio, Texas.
S-ro Talivaldo Indra, Riga.
Nacia kunveno de Bahaianoj en Tiĥran (Teheran).
~~(letero en irana kaj Esperanto)~~
Esperantista Grupo en Napoli.
Esperanto Asocio en Rosario, Argentino.
Nacia kongreso de Baha-anoj de Hindujo kaj Birmanio
S-ro Ant. Sattek, Pribor, ĈSR.
Neŭtrala E-Asocio, Dolni Sucha, ĈSR.

Kaj laste estis letero de D-ro Edmond Privat, Locarno, Svislando kun jena enhavo :

*Kara prezidanto*

*melankolie mi mezuras la grandan distancon ĝis Varsovio kaj mia penso flugas al vi kaj ĉiuj amikoj speciale al la familio Zamenhof dum tiuj ĉi jubileaj tagoj.*

*Bonvolu transdoni al ĉiuj kaj al la tuta kongreso, mian plej koran saluton kaj bondeziron. Vivu la nobla verko kaj ideo de Zamenhof. En suferanta Polujo ĝi naskiĝis, en reviviĝinta Polujo ĝi floru kaj kresku tra la tuta mondo.*

*Via fidela*
*Edmond Privat.*

*(Postkribaĵo). Estas nenia profunda kaŭzo por malpaco inter Esperantistoj. Naciaj societoj kaj UEA nur amike dividu siajn kompetentecojn. Se du urboj volus kongreson ili ĝin havu unu jaron post alia, vice. Ni memoru, ke la kongreso estis de Zamenhof intencita kiel festo de lia ideo, ne nur de la lingvo. Tial ilian organizon devus preni en la manojn UEA, dum la Naciaj societoj devus organizi naciajn kaj propagandajn konferencojn.*

*Lingvaj kaj organizaj disputoj ĉiam suĉis la energion de la esperantistaro. Tuj kiam oni ĉesas tiajn ludojn por labori al la disvastigo de nia lingvo la feliĉo kaj paco revenas. Tion instruis nia longa sperto. Neniu pli bona ol vi, nobla kaj kara amiko povas tion komprenigi al ĉiuj. Benata estu via klopodo.*

Supran leteron kiel ankaŭ la ceterajn korespondaĵojn oni nur menciis.

La programo de la Malfermo elĉerpiĝis kaj sub la sonoj de la ESPERO la impona manifestacio finiĝis.

PRO ABUNDECO
DE MATERIALO LA RAPORTOJ
PRI DIVERSAJ ARANGOJ
DE L'KONGRESO APEROS EN
VENONTA NUMERO.

# Ferma kunsido

**Sabato 14 Aŭgusto 1937 - Kongresejo**

La fermo de la kongreso okazis en la granda salono de la Resursa Obywatelska, la kongresejo. Prezidis Prof. Bujwid, flankata de Min. Direktoro Kabineta, S-ro Wyszynski kaj S-ro A. Hartman. Prenis lokon la reprezentantoj de la internaciaj organizaĵoj, por UEA, K. M. Liniger kaj Hans Jakob, por IEL, S-ro G-lo Bastien. Kiel « Veterano de la Veteranoj » S-ro Paul Nylén el Stokholmo, vivanta pruvo de fideleco al ideo, sidis apud la prezidanto.

Tagordo ne estis prezentita, ankaŭ ne okazis antaŭ la Fermo, kunveno de la Porkongresa Komitato por fiksi la tagordon. La Ĝenerala Sekretario de la Kongreso S-ro Hartman, legis kelkajn telegramojn kaj korespondaĵojn alvenintajn, inter ili de S-ro Herriot, prezidanto de la deputitaro franca.

Tiam D-ro Adam Zamenhof, filo de la majstro prezentis sian raporton pri la kunvenoj kiujn li prezidis por trovi solvon de la demando nin pleje tuŝanta. (Pro praktika kaŭzo ni revenas al la esenco de la afero en aparta artikolo.) Post li sekvis Hans Jakob, administranto de UEA kiu mallonge kaj koncize evoluis la ĉefajn ideojn de la Prov. Komitato de UEA pri la nuna situacio kaj la propono farita pri eventuala solvo. La raporton de la Internacia Esperanto Ligo prezentis S-ro G-lo Bastien, same en konciza maniero. Lin sekvis S-ro Jan Silhan (tondre aplaŭdita) por raporti pri la kongreso de la blinduloj, ĉefa gravaĵo en la tuta kongreso. Li informis sub kreskanta aplaŭdo pri la honoro farita de la Pola Registaro al blinda samideano Harald Thilander per la transdono de la distingo POLONIA RESTITUTA. S-ro Thilander kies agadon inter la blinduloj oni neniam povos sufiĉe alte taksi kaj honori, dum jaroj penadis kaj klopodadis por kunigi la blindulojn pere de Esperanto, redaktante, presante kaj eldonante la blindulan gazeton LIGILO.

Pliajn raportojn prezentis :

Samideano Klimecki (Esperanto en lernejojn) kun rezolucio pri la enkondulo de Esperanto.

S-ino Cense (Resumon pri la kunvenoj de la Katolikoj).

S-ro ...... (nomo ne komunikita) legis la raporton pri la laboroj de la kunvenoj de Protestantoj.

S-ro Isbrücker, la nova prezidanto de la Lingva Komitato kaj Akademio informis pri la kunvenoj okazintaj. Lin sekvis S-ro Jan Zawada kiu raportis pri la Kooperativa movado, atentigante pri la eldono de speciala numero de « Ĉielarka Standardo » valora periodaĵo kun interesa enhavo, meritanta la subtenon de la esperantistoj.

La nombro de raportoj estis elĉerpita, S-ro Hartman, Ĝen. Sekretario proponis sendi telegramon al la ĉefministro pola por esprimi dankon de l' kongreso.

S-ro Paul Nylén alparolis la kongreson rememorante la unuajn tagojn de la movado.

Alproksimiĝas la fino. Prof. Bujwid resumas la tutan penadon pri la Jubilea kongreso kaj esprimas la dankon al ĉiuj, kiuj bonvolis dediĉi tempon kaj monon al la sukcesigo de tiu ĉi manifestacio. Laŭnome li dankis al la fremdaj kunhelpantoj alvenintaj plifrue al Varsovio, al la estroj de la diversaj aranĝoj, literatura vespero, ekskursoj, ekspozicio ktp. Kaj fine ...... eksonis la tradicia kanto de nia himno. La Jubilea Kongreso jam estas historiaĵo.

# "Esperanto en Lernejon"

Rezolucio de TAGE pri la enkonduko de Esperanto proponata al la Ferma Kunsido de la Jubilea Kongreso.

Konsiderante unue, ke la solvo de la problemo de unu helpa facila lingvo internacia en la epoko de la aviado, de la radio kaj de la filmo sonora por ĉiuj internaciaj rilatoj estas ĉiam pli kaj pli urĝa, kiel interalie pruvas la lasttempa propono de senatano Macartney Abbott, aprobita de la aŭstralia federala senato, pri la kunvoko de speciala Interŝtata Konferenco ;

Konsiderante due, ke la sola praktika solvo de tiu ĉi problemo, kiu jam grandparte fakte aŭtomate efektiviĝas, estas ne nur laŭ la kompetentaj lingvistoj, sed ankaŭ laŭ la raporto de la sekretariejo de la Ligo de Nacioj de 1922, — la artefarita lingvo Esperanto, kreita en 1887 de pola kuracisto D-ro Ludoviko Lazaro Zamenhof, — lingvo, kiu de la simpla projekto dum apenaŭ duonjarcento fariĝis granda socia movado, laŭ kultura vidpunkto, kaj vere neŭtrala helpa lingvo vivanta, uzata en ĉiuj landoj de miloj kaj miloj de laŭvolaj adeptoj por diversaj, sciencaj, profesiaj, ideaj, politikaj, religiaj kaj aliaj celoj, tiel politike neŭtrala, teknike perfekta faciliga rimedo de la interkompreniĝo inter la popoloj de ĉiuj kontinentoj ;

konsiderante trie ke la literaturo kaj la gazetaro en tiu ĉi lingvo ĉiam pliriĉiĝas kaj servas al ĉiuj celoj, ke samtempe la teknika vortaro ĉiuflanke ellaborita estas jam pli riĉa ol en multaj eŭropaj lingvoj ;

konsiderante kvare, ke Esperanto donas lingvan egalrajtecon al ĉiuj nacioj en la internaciaj traktadoj ;

konsiderante kvine, ke en multaj internaciaj organizaĵoj (institutoj, kongresoj, oficejoj, foiroj) eĉ en oficialaj, kiel Internacia Oficejo de Laboro, — Esperanto fariĝis jam fakte en uzado laŭvice kvara aŭ kvina internacia lingvo apud la franca, la angla, la hispana kaj la germana, ĉiam kiel lingvo preferata de la larĝaj amasoj kaj plej korekte uzata el ĉiuj lingvoj

konsiderante sese, ke en multaj landoj ekzistas jam pli aŭ malpli grandaj kadroj de instruistoj necesaj por instrui la lingvon en la lernejoj ;

konsiderante sepe, ke en la landoj, kie la nombro de instruistoj ne sufiĉas, oni aplikas sukcese lasttempe la rektan metodon de pastro Ĉe, laŭ kiu instruas la lingvon fremdaj instruistoj ;

konsiderante oke, ke en multaj lernejoj la lingvo estas instruata ne nur fakultative, sed devige kaj ke eĉ la plej malriĉa infano povas lerni ĝin ;

konsiderante naŭe, ke multaj ŝtatoj helpas kaj subvencias tiun instruadon, rekoninte la grandan signifon, kiun Esperanto povas havi el la vidpunkto de la nacia intereso ;

La Kongreso,

sankciigante la decidon de la Pariza Konferenco pri Esperanto en la Moderna Vivo, kiu postulis la enkondukon de Esperanto en la lernejojn, decidas siaflanke sin turni al ĉiuj registaroj de la mondo kun la peto kaj alvoko, ke ili bonvolu aliĝi al la Interŝtata Esperanta Akordo pri la deviga enkonduko de Esperanto en la lernejojn kaj ke ĉiu ŝtato donu promeson enkonduki instruadon de Esperanto, se almenaŭ entute ses ŝtatoj donus la saman promeson. La Kongreso konsideras la proponatan de D-ro Czubrynski Interŝtatan Traktaton, kiel plej praktikan vojon por ĝeneraligi lernadon de Esperanto.

La Kongreso rajtigas sian Lokan Organizan Komitaton funkcii kiel la Realiga Komitato de la Kongreso kaj komisias al ĝi informi la registarojn pri la laboroj kaj la rezolucioj de la Kongreso.

# Jubilea Ekspozicio

La LKK havis bonan ideon organizi pro la jubileo de nia lingvo grandskalan Jubilean Ekspozicion, kiu montru al la neesperantista publiko la sukcesojn de Esperanto, atingitajn ĝis nun, kaj kiu samtempe permesu al la Esperantistoj mem fari kvazaŭ bilancon de ĝisnunaj penadoj kaj starigi planon por plua agado.

La ekspozicio, aranĝita en la salonoj kaj koridoroj de lernejo ĉe strato Karowa proksime de la Kongresejo, faris bonegan impreson. Ĝi estis frukto de tre diligenta kaj sinofera laboro de nia brava pola samideano Dro Marek Wejsblum.

Plej grandan intereson altiris la « Zamenhofa ĉambrego . Kun vera emocio oni rigardis tie la skribtablon de la Majstro kun la kutimaj objektoj sur ĝi. Jen kuŝas sur la tablo la paperujo de Dro Zamenhof kaj jen lia stampilo sur malfermita inkkuseno. Apude sur alia tableto la malnovmoda Royal-skribmaŝino de la Majstro. Ĉio faras tiom fortan impreson, ke ŝajnas al ĉiu -jen post momento malfermiĝos la pordo, eniros la bonkora, doktoro-idealisto, eksidos ĉe la tablo kaj rekomencos la interrompitan laboron. Bedaŭrinde, tiaj pensoj, nevolaj kaj subkonsciaj, estas nur infanaj revoj pri miraklo...

Sur muroj en Zamenhofa ĉambrego pendas bildoj de la Majstro el unua periodo de Esperanto, fotoj de lia familio, gepatroj kaj geavoj, de unuaj fidelaj adeptoj, naskiĝatesto, invito al la edziĝfesto de Zamenhof, kuracista diplomo, korespondado kun la edzino, kiam Zamenhof estis devigata komence serĉi sian vivpanon en malgrandaj urbetoj. Aparte ni vidas la atestojn pri la unuaj sukcesoj de la Majstro. Kongresbildoj, honorigoj, ordenoj, kortuŝaj donacoj, bildo kun propramana subskribo de Carmen Sylva. Granda geografia karto montras ĉiujn lokojn, kiuj estas ligitaj kun la vivo de Zamenhof : urbo de naskiĝo, de plua studado, lokoj de penado por la vivo, kongreslokoj ktp. La kolekton, kiu montras pian respekton de la organizinto al la Majstro, finas la lastaj manuskriptoj de la Majstro kaj lia testamento.

En aliaj ĉambroj estas dense pendigitaj sur la muroj bele aranĝitaj kartonoj, ilustrantaj la disvastiĝon de Esperanto en servo de komerco, turismo k. a. Tiuj kartonoj estas ĉiuj aranĝitaj de la Ekspozicia Servo de UEA. La Centra Oficejo en Ĝenevo sendis al Varsovio grandan keston kun 150 kg da ekspoziciaĵoj, sisteme ordigitaj. La administranto de UEA s-ro Hans Jakob mem helpis surloke en Varsovio la aranĝon. Ni vidas tie krom la multnombraj komercaj kaj turismaj presaĵoj ankaŭ plaĉajn seriojn de Esperantlingvaj oficialaj poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj eldonitaj de la Poŝt-Administracioj de Hungarujo, Brazilo, Aŭstrio Ĉeĥoslovakio, Danzig, Liechtenstein, Sovet-Unio, Nederlando. Forte impresas kolekto de ŝlosiloj en plej diversaj lingvoj. Interesas la Jarlibroj de UEA de la malgranda unua en 1908 ĝis la nunjara Jubilea.

En aparta ĉambro estas kolektitaj Esperanta literaturo kaj scienca verkaro.

Polujo. la lando de Zamenhof, havas apartan ĉambron, kie ni kun kortuŝo vidas la rememoraĵojn pri la unuaj polaj pioniroj. Specialan intereson vekas dokumentoj pri la iama rondeto de Esperantista Junularo. Protokolo de ĝia kongreseto /kaŝa !/ estas subskribita de Tadeo Kasprzycki, la nuna pola militministro. Pola literaturo, tradukita en Esperanton, ne estas komplete montrita en la ekspozicio, kio estas eble la sola riproĉinda detalo.

La ekspozicio estis tre multnombre vizitata dum la tuta Kongreso. Eniro estis senpaga por ĉiuj, ankaŭ por nekongresanoj. La propaganda rezulto estis sendube grava.

La aranĝinto Dro Wejsblum meritas grandan dankon pro sia utilega laboro.

Estus bone konservi la materialon pri la Majstro por fondi en Varsovio Zamenhof-muzeon. J. Ŝ.



Parto el salonego de Gazetaro Esperantista. Antaŭ sur la tablo, geografia karto pri la Radio-dissendoj kun programo en Esperanto.

Sidante: D-ro Marek Wajsblum, organizinto de la Ekspozicio.

**Ekspozicio dum la XXIX-a Kongreso**

**Ejo: Popola Lernejo Strato Karowa Varsovio**



Parto el la Salono (Koridoro) kun presajoj pri la uzado de Esperanto en turismo, foiro, poŝto

# Pilgrimo al Bialystok

**11 Aŭgusto 1937**

Bialystok, unu el centoj da urboj en iama Cara Imperio, kelkminuta halto de ekspresvagonaro de la granda linio fervoja Parizo-Berlino-Varsovio-Moskvo, ci estus nekonata al la mondo, se en ciaj muroj ne estus naskiĝinta la kreinto de *la* Lingvo Internacia. Bialystok, cian nomon konas ĉiu, kiu lernis ĉi-tiun lingvon, kaj iam, en ne malproksima estonto ĉiu lernejano scios pri ci. Bialystok, pilgrimejo de la homoj por kiuj Esperanto ne estas nura lingva instrumento, faciliganta la praktikajn rilatojn, sed centro idea de la NOVA SENTO. Cin ni salutas, cin ni honoras kaj cin ni memoras en niaj koroj!

Kelkcentoj da kongresanoj partoprenis la pilgrimadon, ne piede kiel decus por vera pilgrimado, sed fervoje kaj aŭtobuse. Tra la Kampanio orienta, la ebenaĵo senfina, doninta la nomon al lando kaj popolo pola, rapidas la veturiloj. Stacidomoj ornamitaj kun floroj kun nomoj ne facile kapteblaj de eksterlandanoj, pasas antaŭ ni. Kaj fine aperas la celo de l'veturo: Bialystok.
Granda transstrata surskribo «Zamenhofa naskiĝurbo salutas vin» pendis vidalvide de la stacidoma eliro. Akceptis la pilgrimantojn kaj alparolis ilin la reprezentanto de l'urbestro, S-ro Mgr Golawski, estro de la Kulturkleriga Fako en la Magistrato, plie S-ro Kazimierowski, Direktoro de la Vojevoda Turista Societo kaj S-ro Janasinski, urba policestro.

Post la alparolo, kiun tuj tradukis S-ro Ŝapiro, ĉefdelegito de UEA, la muziko ludis la himnon, kunkantitan de la esperantista publiko. Grandaj ruĝaj aŭtobusoj tiam kondukis la esperantistojn al la urbo-centro.

Malriĉa kvartalo, parte lignaj domoj kaj jen . . . la pilgrimantoj atingas la domon kiu portas memortabulon. La bonfarintoj de l'homaro ja neniam loĝis en palacoj kaj Zamenhof ne faris escepton. Sinsekve la samideanoj suprengrimpis la ŝtuparon kaj eniris la Zamenhofan ĉambron kie troviĝis la «Ora Libro», en kiu ĉiu sin enskribis.

Stranga sento ekkaptis ĉiun dum tiu ĉi mallonga restado en la naskiĝdomo kaj certe multaj memoris la priskribon de tiu ĉi loko kaj urbo en «Vivo de Zamenhof», majstre verkitan de Edmond Privat.

Kaj disflugis la ideo, ke la esperantistaro akiru la domon por instali memor-muzeon, ideo diskutinda, kvankam ne facile realigebla en la nuna tempo.

En Hotelo «Savoy» atendis la soifantan kaj malsatantan pilgrimantaron, bonege preparita tagmanĝo akompanita de muziko.

Sekvis vizito al la urba parko ĉirkaŭanta la Palacon de nobela familio Branicki, hodiaŭ sidejo de la provincestro (= vojevodo en pola lingvo).

Ĉirkaŭ kvindek samideanoj estis invititaj al la Urba Domo. La granda salono, kunvenejo de la Urba Deputitaro estis ornamita per granda portreto de D-ro Zamenhof meze de palmoj kaj verdaĵoj, solene kaj imprese.

Akceptis la invititojn la Urbestro S-ro Nowakowski kun vicurbestro S-ro Piotrkowski kaj pluraj sekciaj ĉefoj de la urba administrado. La urbestro, en simpla, sincera maniero parolis kaj bonvenigis la gastojn:

*Estimataj gesinjoroj,*

*En la nomo de la urbestraro mi havas la honoron saluti la partoprenantojn de la XXIX-a Jubilea Kongreso de Esperanto, kiuj bonvolis veni al Bialystok por viziti la naskurbon kaj naskolokon de D-ro Ludoviko Zamenhof, la kreinto de la lingvo por ĉiuj nacioj.*

*Sendube kun emocio vi rigardadis hodiaŭ la modestan kaj malriĉan dometon, en kiu antaŭ jaroj naskiĝis la homo kaj la ideo, kiun vi ĉiuj sekvas.*

*Inspiraĵoj per la nobla ideo de paca alproksimiĝo kaj kunvivado de popoloj, vi portas vian verdan standardon kaj la devizon de disvastigo de la lingvo Esperanta tra la tuta terglobo kaj inter ĉiuj civilizitaj popoloj.*

*Salutante vin mi deziras samtempe, ke la lingvo Esperanto plue sukcesu kaj floru kaj ke vi progresu en via scienca kaj kulturkleriga movado.*

*La tutmonda Esperantistaro, reprezentita per la ĉeestantaj tie-ĉi delegitoj de ĉiuj nacioj kaj landoj* vivu!

Poste estis servita la «vino de bonveno», dum kiu la urbestro interparolis kun la gastoj, videble impresita pro la facileco kaj bonsoneco de la lingvo, kreita en la urbo de li administrata.

Ĉe la loĝantaro de Bialystok la veno de tiom da fremdlandaj personoj estis nature eksterordinara okazaĵo. Multaj alkuris por vidi, miri kaj diskuti. Kaj siavice la kongresanoj miris pri la vigleco de la loka grupo de Bialystok, junulinoj kaj junuloj flue parolantaj la lingvo penetritaj de la Zamenhofa spirito.

La organizantoj de la pilgrimo sub gvido de S-ro Ŝapiro, meritis la koran dankon de la kongresanoj partoprenintaj por la neforgesebla tago en la «Meko de Esperanto».

François Hayotte.

## La festo de veteranoj

**8 Aŭgusto 1937**

Dimanĉe vespere okazis en la kongresejo la Festo de Veteranoj. Same kiel la impresiga ceremonio ĉe la tombo de la Majstro ĝi restos por longe en la memoro de ĉiuj ĉeestintoj.

La salono estis plenplena, kiam nia malnova samideano Roman Sakowicz (iam skribanta viglajn felietonojn, subskribatajn «S. A. Kovič»), anstataŭante prof. Bujvid, malfermis la Feston. Li klarigis, ke speciala sekcio sub prezido de alia tre konata malnova samideano Advokato Litauer diligente laboris dum longa tempo kaj fiksis liston de personoj, al kiuj oni aljuĝis *Jubileajn Stelojn*. Samideanoj, kiuj aliĝis al la aktivaj batalantoj por la lingvo internacia antaŭ la I-a Universala Kongreso de Esperanto en Boulogne-sur-Mer en 1905 ricevas oran stelon; samideanoj, kiuj aliĝis antaŭ la VIII-a en Krakovo en 1912 (jubileo de 25-jara ekzisto de Esperanto) ricevas arĝentan stelon. Ĉiu stelo estas numerigita same kiel diplomo, apartenanta al ĝi.

Post tiu enkonduka parolado de la prezidanto ekstaras sur la podio Julio Baghy.

Estas neeble transverŝi sur paperon la majstran vortotorenton de Baghy. Li superis sin mem en tiu belega improvizacio.

Kiam li parolis pri la malfacilega vojo de la unuaj pioniroj de Esperanto, kiam li parolis pri tiuj, kiuj nun, laborante por nia movado, devas memori pri la sinoferema kaj persista agado de la pioniroj, — ĉiuj aŭskultantoj sentis la profundan sincerecon de la parolanto kaj vidis, ke li interne travivas ĉion.

Ne Baghy, la artisto, faris la paroladon. Baghy, la homo kaj Esperantisto, elploris sian animon kaj koron, dolorantajn pro la nuna malpaco kaj disrompo en la movado.

En la momento, kiam Baghy en sia parolado komencis mencii la nomojn de la mortintaj meritplenaj unuaj batalantoj por nia afero, la orkestro ekludis la majestan Funebran Marŝon de Chopin. Ĉiuj ekstaris, emociigitaj, enpensitaj kaj profunde tuŝitaj. Kaj, akompanate de la sonoj de la Funebra Marŝo, Baghy daŭrigis la improvizacion antaŭ la staranta mute reprezentantaro de la tuta homaro.

«Niaj mortintoj» — faladis en la salonon la vortoj de Baghy, trapikante la ĉiam potenciĝantajn sonojn de la Funebra Marŝo — «revenas nun por momento al ni, ne por timigi nin, ĉar niaj mortintoj restis ja vivantaj en siaj postlasitaj verkoj en la rezulto de siaj laboroj. Ili venis por partopreni en nia festo jubilea, por doni al ni kuraĝon por la plua batalo, por firmigi nian kredon kaj fidon pri la estonteco.

La plej glora nia karmemora Majstro D-ro *Lazaro Ludoviko Zamenhof* proksimiĝas jen al ni kun siaj plej energiaj kaj sindonaj disĉiploj: jen *Antoni Grabowski*, la patro de la Esperanta poezio, *Théophile Cart*, la senlaca propagandisto; *Aleksander Brzostowski*, *Adam Zakrzewski*, la unuaj pioniroj de la Esperanta movado, *Hector Hodler*, la fidela batalanto por nia ideo; *Aleksandro*, *Felikso kaj Leono Zamenhof*, kiuj kune kun la Majstro travivis ĝojon kaj malĝojon de nia ideo kaj movado.

Iras ankoraŭ al ni multaj aliaj pioniroj, kiuj ĝis la fino de sia vivo fidele helpis batali por Esperanto.

Kaj jen venas ankaŭ miloj de niaj sennomaj batalintoj, la sinoferaj nekonataj soldatoj de nia kulturmovado. Estas kun ni tiuj miloj, kiuj havis la saman ardon de entuziasmo, kiun havis la gvidantoj, kaj kiuj same ne hezitis doni la plej valoran parton de sia interlekto, kiel la plejfamekonatoj.

Honoron al niaj mortintoj!

Vivu ilia memoro en la posteularo, ili restu modeloj por ni kaj inspiru al ni harmonian Laboron por finkonstrui la altaron de la Homa Kompreno».

Malsekaj estis la okuloj de la ĉeestantoj, kiam Baghy finis.

Sekvis la disdono de diplomoj kaj de la honoraj steloj. Oni vokis laŭ alfabete ĉiujn nomojn, eĉ tiujn de la pioniroj, kiuj ne povis veni al la Kongreso. Varmaj aplaŭdoj sekvas la legadon de la nomoj. La ĉeestantaj honorigitoj venas al la podio sinsekve por ricevi el la manoj de la prezidanto tiujn esprimojn de danko, ŝuldata al ili de la Esperantistaro.

Bruaj aplaŭdoj ektondras, kiam estas elvokataj la Zamenhofanoj: la filo de la Majstro D-ro *Adam Zamenhof* kaj la filinoj f-inoj D-ro *Zofio* kaj *Lidio*. Jen denove ekaŭdiĝas longedaŭraj aplaŭdoj kaj vivukrioj, kiam estas vokata la nomo de profesoro *Bujvid*.

La Festo de Veteranoj estis impona manifestacio kaj deca honorigo de la mortintaj kaj vivantaj pioniroj de nia movado.

J. Ŝ.

## Bibliografia Servo

*Vilém Werner:* Homoj sur Flosglacio, komedio en tri aktoj. Tradukis kaj eldonis Moraviaj Esperanto Pioniroj. 110 paĝoj. Formato 21 × 15 cm. Prezo Kč. 12. (1937-13).

*Annie Rebers:* Nia Mondo, Lerno-libreto por infanoj. Eld. Federacio de Laboristaj Esperantistoj en la regiono de la nederlanda lingvo, Poŝtkesto 0.50, Amsterdam-O. 48 paĝoj. Formato 24 × 16 cm. Prezo Guld. 0.30. (1937-14).

*** Arĝenta Duopo, Jubilea Libro pri Julio Baghy — Kolomano Kalocsay. Eld. Literatura Mondo. 202 paĝoj. Formato 23 × 15,5 cm. Prezo ne indikita. (1937-15).

*L. Vasiljef:* Ni fosu nian Sulkon, originala komedioŝerco en unu akto. Eld. Esperanto-Instituto, Forhaabningsholms Allé 10 St. Kopenhago — V. 13 paĝoj. Formato 22 × 17 cm. Prezo Kr. danaj 0.75. (1937-16).

*Cicio Mar:* Forgesitaj Homoj, noveloj. Eld. La Verdfolio Librejo, P.K. 731, Shanghai. 240 paĝoj. Formato 18,5 × 13 cm. Prezo ne indikita. (1937-17).

*Petro Danov:* En la Regno de la Viva Naturo (Dua eldono). Eld. Biblioteko «Nova Kulturo», Sevlievo (Bulgario). 90 paĝoj. Formato 18 × 13 cm. Prezo Frk. sv. 0.80 aŭ Levoj 10. (1937-18).

*Joseph R. Scherer:* Tra Usono kun ruliĝanta Hejmo. Eld. Esp.-Eldonejo J. Muusses, Purmerend (Nederlando). 34 paĝoj. Formato 19,5 × 13,5 cm. Prezo Guld. 0.35. (1937-19).

*Julius Gluck:* El la Klasika Periodo de Esperanto (Grabowski kaj Kabe). Eld. J. Muusses, Purmerend (Nederlando). 36 paĝoj. Formato 19,5 × 13,5 cm. Prezo Guld. 0.35 (1937-20).

## Donaco

Dum la unua Labora Kunveno de UEA en Varsovio la Administranto de UEA informis pri letero sendita de la vidvino de D-ro Heinrich Arnhold, Dumviva Membro de la Asocio kaj pioniro de nia movado en Germanujo. Sinjorino Arnhold donacis la Esperanto-Bibliotekon de ŝia edzo al UEA. Ni esprimas per tiuj linioj nian sinceran dankon por la valora donaco, kiu helpas kompletigi certajn mankojn en la Biblioteko de la Asocio.

Ni ricevis:

70 bele binditajn jarkolektojn de esp. periodaĵoj
313 librojn kaj broŝurojn, binditajn kaj nebinditajn.

Kvanton da disaj numeroj de esp. periodaĵoj kaj propagandiloj.

# La re-unuecigo de la neŭtrala movado

## Konstato necesa - Diversaj decidoj - La Kunvenoj en Varsovio
## Rezulto : Du organizajoj, du kongresoj, du jarlibroj

### Konstato necesa

La postulo de la esp. publiko, almenaŭ laŭ tio kion skribis aro da gazetoj, estis unuecigo de la movado, konkrete dirite, la kunigo de la Naciaj Societoj kun Universala Esperanto-Asocio. Pri formo kaj enhavo neniu sin okupis — escepte la gvidantoj — al kiuj la sorto donis la taskon trovi plej bonan vojon. Por la tiamaj gvidantoj de UEA, la problemo sin prezentis tiel :

*UEA restas jure la sama (societo konstituita laŭ la svisa leĝaro).*

*UEA cedas en gravaj punktoj (akcepto de 50 centima kotizo, intima partopreno de la Landaj Asocioj en la gvidado de UEA).*

*UEA unuigas du tendencojn (la nacian, reprezentitan per la Landaj Asocioj, la supernacian, per akcepto de individuaj membroj, ne-anoj de la Landaj Asocioj).*

Por la Landaj Asocioj la situacio sin prezentis tiel, ke ili pro la kolektiva akcepto de membroj pagantaj 50 centimojn ricevis notinde pli grandan influon en la gvido de UEA ol ili rajtis, se oni konsiderus la financojn kiel bazon. Tion oni komprenis, kaj rezultis el tiu ĉi kompreno, la devigo formala de la Landaj Asocioj, varbi kiom eble plej multe da aktivaj membroj al UEA. Tria devigo reciproka, inter la Landaj Asocioj kaj UEA estis solene akceptita en Kolonjo : *Rekoni ĉies meritojn kaj ne senigi sin de valoraj kunlaborintoj per favora konstelacio momenta.*

Jen tiel aspektis la situacio. Ne estas nia intenco kritiki aŭ riproĉi tion kio sekvis. Ni konstatas simple, ke la tuta interkonsento de Kolonjo, restis morta litero, ĉar ĉiu komprenis ĝian efektivigon laŭ alia maniero. Fine la veraj aŭ la imagitaj interesoj montriĝis pli fortaj, tute ne parolante pri ekzistintaj antipatioj personaj.

La evoluo de la situacio estas tro konata por ke utilus reveni al ĝi. Sed je la fino de la jaro 1936 ni ree havas la saman situacion iom ŝanĝitan en detaloj : Ligon de Landaj Asocioj kaj UEA.

Farinte tiun ĉi konstaton ni vidu kiel reagis la mirigita esperantistaro.

### Diversaj decidoj

Pluraj societoj jam akceptis rezolucion kiu invitas la decidantajn povojn trovi ree eblecon de kuniĝo. ESPERANTO represis en pasinta numero tri el tiaj decidoj kun rezolucioj. La Prov. Komitato de UEA en unu el la lastaj kunsidoj tial okupiĝis pri la afero kaj esploris ĝis kia grado, nia Asocio povos partopreni en eventualaj diskutoj. Principe estis akceptita la volo, ne rifuzi seriozan traktadon. Pri la premisoj de tia interparolo ni informis. En sama kunsido la Provizora Komitato de UEA decidis, ne plu reveni je pasintaj aferoj en formo polemika, por krei atmosferon taŭgan.

Tiel prezentiĝis la situacio ĝis la komenco de la kongreso en Varsovio.

### La kunvenoj en Varsovio

Dum la malfermo de la kongreso, sub la impresoj kunveni en la urbo kie vivis la kreinto de la lingvo, la strangeco de la nuna situacio organiza evidentiĝis pli forte. Tial la ripetitaj postuloj de parolintoj je paco, konkordo, unuecigo. Kiel reagis je tio la respondecaj gvidantoj ? Nu, ni tuj venu al la kerno del afero.

La iniciato venis ĉi-tiun fojon de UEA. La reprezentantoj de UEA sugestis la aranĝon de kunveno. La komitatanoj de Internacia Esperanto Ligo proponis sendi tri personojn (G-lon Bastien, S-ron Ernfrid Malmgren kaj S-ron C. C. Goldsmith), kaj peti S-ron D-ron Adam Zamenhof, la filon de la majstro, ke li prezidu. D-ro Zamenhof bonvolis akcepti kaj invitis la ses personojn (tri de UEA, tri de IEL) al sia loĝejo, kie en la laborĉambro de nia Majstro okazis la kunsido.

D-ro Adam Zamenhof, kiu videble sentis la gravecon de la momento alvokis je reciproka bonvolo aŭskulti la alian kaj nepre fari ĉion por atingi ion konkretan.

Parolis Sinjoro G-lo Bastien skizante la situacion. Lia neta konstato resumiĝas, ke du organizajoj ne povas vivi. Tion substrekis la administranto de UEA, Hans Jakob, atentigante ke jam unu supernacia organizajo en la nuna tempo ne povas vivi el kotizoj.

Post elmontro de la situacio ambaŭflanka, D-ro Zamenhof submetis proponon : *Reveni al la tradicia UEA, sed kun du oficejoj.*

Diskutinte en apartaj ĉambroj, la reprezentantoj de UEA kaj de IEL interkonsentis kunveni duan fojon post ekzameno de la situacio.

La reprezentantoj de UEA (S-roj Liniger, Kürsteiner kaj Hans Jakob) tiam decidis plilarĝigi la proponon de D-ro Zamenhof, kompletigante ĝin.

Kaj por prepari la publikan opinion, ĝi decidis presigi ĉion sub formo de « Propono » disdonante ĝin dum la kongreso. Jen la teksto :

La ĝenerala deziro de la Esperantistoj, kiel montras diversaj publikaj deklaroj de esp. organizajoj kaj plej elokvente la elkrioj dum la malfermo de la jubilea kongreso estas UNUECIGO DE LA TUTA MOVADO NEŬTRALA.

Sekvante tiun ĉi deziron (kaj premon) tri reprezentantoj de UEA kaj tri de IEL kunsidis en la laborĉambro de la kreinto de Esperanto, sub la prezido de ties filo, D-ro Adam Zamenhof.

Post elmontro ambaŭflanka de la nuna situacio, — du organizajoj kun sama statuto — estis prezentitaj diversaj ideoj, el kiuj tiu de D-ro Adam Zamenhof estas atentinda pleje :

*Reveni al la tradicia UEA sed kun du oficejoj.*

La reprezentantoj de UEA, opinias, ke ĝi estas taŭga bazo por forigi la dualismon, tute konservante tipajn trajtojn de la du branĉoj.

La aliaj proponoj estis :

1. Reveni al la stato de Helsinki. UEA unuflanke, Ligo de Landaj Asocioj aliflanke. Supera komitato kun reprezenta karaktero. (Propono de UEA.)
2. Du organizajoj : IEL kiel ĝenerala organizajo kun sidejo en Rickmansworth. UEA, sekcio de IEL kun sidejo en Genève kun aldonoj de diversaj taskoj, ekzemple, propagando. (Propono IEL.)

Tiuj du proponoj « returnas la radon de la historio ». Kaj estas tute certe, ke tion la Esperantistoj ne akceptos. Ili ne protestos, ili ne plendos, ili ne kritikos plu, sed ili ne plu aliĝos. Kaj ili deflankiĝos de nia neŭtrala movado, sin turnante al pli interesaj kaj pli laŭtempaj formaĵoj.

Konsciante pri la graveco de la momento, la reprezentantoj de UEA studis tre atente ĉiun eblecon, kiu ne tuŝu la sentojn kaj kiu samtempe respondu al la realeco. Principe akceptante la proponon de D-ro Zamenhof ili plilarĝigas ĝin kaj proponas ĝin per la nuna teksto kiel plej taŭgan solvon.

### Kongresanoj !

Ĉio fluas . . . La vivo ne haltas, ĉiam aperas novaj formoj de socia kunvivado. Nur malofte oni povos reveni al estintaj formoj kaj se tio tamen okazas, ĝi ne estas plu la sama. El la spertoj de la lastaj jaroj ni lernu, ke ĉia ekskluziveco en klopodado kiel la nia, estas danĝera. Tial la UNIVERSALA organizajo de Esperanto malfermu larĝe la brakojn kaj akceptu ĉiun, kiu estas de bona volo por progresigi la ideon karan al ni ĉiuj, malgraŭ niaj momentaj disiĝoj en opinio. Finfine ni ĉiuj estas esperantistoj, kiuj ja nur celas unu aferon

*La ĝeneralan enkondukon de nia lingvo*

kaj per ĝi

*plibonan komprenon inter la popoloj*

*de la tuta tero.*

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

K. M. LINIGER, *Prezidanto.* H. H. KÜRSTEINER, *Komitatano.* Hans JAKOB, *Administranto.*

### Proponoj de UEA

*Ĝenerala ideo.*

Universala Esperanto Asocio estas la sola organizajo neŭtrala esperantista.

Ĝia jura bazo estas la statuto de 1934, laŭ la Interkonsento de Kolonjo, kun kelkaj ŝanĝoj, laŭ la spertoj faritaj dum la lastaj du jaroj.

La Centro estas en Ĝenevo, kun memstara filio en Rickmansworth apud Londono.

*Strukturo.*

La strukturo de UEA estu tia, ke ĝi permesas akcepton de ĉiuj — escepte de organizajoj kun politika tendenco. Por atingi tion necesas kompletigi la statuton. La ĉefaj kaj plej gravaj ŝanĝoj estas la jenaj :

1. *Landaj Asocioj* kiuj aligas siajn membrojn (0,50 centimoj sv.) rajtas nomi komitatanon por 500 ĝis mil membroj aligataj.

2. Ĉiuj aktivaj membroj de UEA ankaŭ en landoj kiuj aligas siajn anojn elektas komitatanojn laŭ internacie kunmetita listo, 300 anoj aktivaj unu komitatanon.

3. *Landaj Asocioj* kiuj ĝis nun ne povis partopreni la internacian organizajon pro diversaj kaŭzoj estas invitataj partopreni en la komitato — kun konsila voĉo — Laŭeble faciligoj pri la pago de la kotizo de 50 centimoj estas antaŭvidataj per nova sistemo kalkula (presigo de dokumentoj, akiro de premioj kontraŭ kotizoj en ĉi-tiuj landoj).

Ekzistu nur esperantistoj samrangaj. Ĉiu honorinda persono, ĉiu organizajo estu akceptata. El tio rezultas :

1. Ne plu estu pun-kotizo por personoj, kiuj ne apartenas al enlanda organizajo (laŭ la interkonsento de Kolonjo, tiaj personoj devis pagi 50 % pli, se ili volas aliĝi al UEA).

2. En landoj, kie ekzistas pluraj organizajoj kun landa karaktero, estas akceptataj ĉiuj. Devas esti trovota inter tiaj Landaj Asocioj, ia interna aranĝo laŭ la devizo : *Marŝi disigite, bati kune.*

3. Estas principe konsentata loko kun konsila voĉo en la komitato de UEA al la fakaj societoj. La ĝisnunaj statutoj, intence aŭ ne, ne atentis pri la utilo de ĉi tiuj organizajoj, laborantaj kun malmultaj rimedoj sen sufiĉa morala apogo de la tuta movado.

Al sama vico apartenas la subteno de la finance malfortaj Landaj Asocioj en oriento kaj sudo de Eŭropo al kiuj pligranda atento devas esti donota.

*Transiro.*

La transiro al la reformita UEA okazu plej malfrue ĝis fino de la jaro. La Centra sidejo en Ĝenevo troviĝos tiam en la estinta Palaco de la Ligo de Nacioj, proksime al ĉiuj internaciaj organizajoj : Ligo de Nacioj, Internacia Labora Oficejo, Ruĝa Kruco k.t.p. La Palaco Wilson gastigas de nun la plimulton el la duonoficialaj kaj privataj organizajoj internaciaj.

La taskoj de la Centra Oficejo en Ĝenevo restas la samaj kiel ĝis nun. La Oficejo en Rickmansworth estu memstara filio kun la titolo « Centra Oficejo de UEA por Sekcio de Eksteraj Aferoj ».

Pri transdono de aktoj kaj materialo kiel pri la plenumotaj taskoj de tiu ĉi sekcio decidos la estonta Estraro de UEA, kiu tiam efektive reprezentas la tutan movadon.

Krom tiuj laboroj ampleksiĝontaj laŭ la cirkonstancoj, la oficejo en Rickmansworth servas kiel Teritoria Oficejo Brita, administrante la aferojn de UEA en Britujo.

*Rezulto.*

Post la unua kunveno okazis ankoraŭ du, ambaŭ sub prezido de D-ro Zamenhof. Vidante ke la opinioj disiras tro multe, D-ro Zamenhof formulis demandojn kiujn li direktis al ambaŭ flankoj (Ni forlasas la ĝeneralan pri organizo jam entenitan en antaŭa) :

1. Propono pri ĉesigo de reciprokaj kulpigoj.
2. La aranĝo de la jara kongreso.
3. Unu Jarlibro.

Post elmontro de vidpunktoj, oni interkonsentis principe, ne plu reveni je pasintaj — en formo polemika :

Pri la kongreso, UEA proponis :

*La du venontaj kongresoj estu organizataj kune, de IEL kaj UEA kaj ĝi portu la titolon : 30-a Universala Kongreso de Esperanto.*

*La licenco estu dividata inter IEL kaj UEA, laŭ proporcio 3 : 2. Ambaŭ organizajoj interkonsentas pri aranĝo interna de la kongresoj*

*La invito al Berno estu akceptata por 1939, tiel ke la 30-a kongreso okazu en Londono, la 31-a en Berno.*

**Ĉi tiun proponon la komitato de Internacia Esperanto Ligo, respektive la membroj de la komitato ĉeestintaj en Varsovio rifuzis diskuti.**

Pri la Jarlibro oni ne plu diskutis. Restis do nur la ĝenerala demando pri la organizo. Tiurilate necesas ankoraŭ klarigo. Dum la laborkunvenoj de IEL (kiujn ni ne partoprenis pro neebleco) la Komitato de IEL bonvolis informi la ĉeestintojn, ke UEA rifuzis proponojn de IEL. Tio ne respondas al fakto. El la nebuloj de tiuj onidiroj ni elŝelu la kernon de la problemo.

UEA kiel IEL proponas reveni al la statuto de UEA, (kiun IEL simplanime kopiis). La propono de D-ro Zamenhof parolas pri tradicia UEA. Tio logike sekvigas, UEA kun ties statuto de 1934 kaj kun du oficejoj. Ĝis tie la du partioj interkonsentas.

UEA proponas du memstarajn oficejojn, la malnova en Genève kun ties malnovaj taskoj, kaj la dua en Rickmansworth. IEL proponas, ke Genève fariĝu filio de Rickmansworth kun kelkaj taskoj ekzemple propagando, kiujn oni volus grandanime doni al ĝi.

Nu, pri tio ni ne diskutas ! UEA en Genève ĝuas avantaĝojn tiom jurajn kiom personajn, kiajn en neniu alia loko estas atingeblaj.

Sed venas nun alia fakto. UEA cedis en gravaj punktoj. Malalta kotizo, partopreni je egala piedo de la Naciaj Societoj. Tion farinte ĝi postulis, ke la kadro estu nepre plilarĝigata, ke ĝi fariĝu universala efektive, akceptante ĉiujn. (Relegu pri tio la tekston antaŭan de la propono.)

*Ni konstatu : La Komitato de IEL simple rifuzis diskuti tiun ĉi proponon, postulante praktike nenion alian ol submetiĝon de UEA.*

La rezulto do estas, ke ekzistas du organizajoj internaciaj kun preskaŭ sama statuto, ke okazos du kongresoj kaj aperos du jarlibroj.

Kiel komentarion je tio ĉi ni metas la eldiron de sveda kanceliero Oxenstierna, al sia filo :

*Nescis mi fili, quantilla prudentia mundus regitur ?*

(Ĉu vi ne scias, mia filo, per kiom malmulte da saĝo estas regata la mondo ?)

# Lingvaj minoritatoj

## (Lingvaj malplimultoj)

### La lingvo soraba

de Bruno Fahlke

*Ni daŭrigas la serion de l'artikoloj pri la lingvoj de malplimultoj kaj ni speciale ĝojas povi konigi iom pri la idiomo de preskaŭ forgesita gento slava, la soraboj, resto de l'iam potenca veneda gentaro.*

(Red.)

Dum la tempoj antaŭ la granda milito ofte oni povis ekvidi en la stratoj de Berlino junajn virinojn, kies aspekto estis eksterordinara kaj kiuj kutime estis akompanataj de infan-veturiloj. Eksterordinara, ĉar ili promenis portante kolorbrilan kostumon, el kiu pleje frapis la okulojn la granda tabulforma kufo kun franĝa pasamento. Ceteraj vestaĵoj estis korsaĵo, ŝultrotuko kaj la « cent » blankaj jupoj, unu super la alia, la ekstera tamen el multkolora ŝtofo. Ĉi junaj virinoj sin dungigis al riĉaj familioj kiel nutristinoj por la suĉinfanoj de la moŝtaj sinjorinoj, tial la popola dire nomis ilian kostumon « uniformo de nutristino ». Sed kiu el la berlinanoj scietis, ke tiuj virinoj estis anoj de fremda popolo, parolantaj hejme lingvon nekompreneblan por la germanoj, kaj ke meze en Germanio ankoraŭ ekzistas resto de la iam tiel potenca slava popolo, la venedoj (germ. Wenden).

*El la historio.*

La venedoj apartenas kune kun la poloj, ĉeĥoj kaj slovakoj al la okcidenta grupo de la granda slava popolaro. La plej frua historie konata loĝloko de la veneda popolo estis oriente de la Vistulo en la meza parto de la hodiaŭa Polujo, de kie ili disvastiĝis sin okcidenten, forŝovante la tie loĝantajn ĝermanajn gentojn, ĝis ili atingis la Alboriveron (Elbe). Ĉi tie certe konatiĝis kun ĝi la fama roma historiisto kaj vojaĝisto Takito (Tacitus; 55-120 p. Kr.), kiu rakontas en siaj verkoj pri iu neĝermana popolo, kiun li nomis « venedi ». Estis tre vasta lando, kiun la venedaj gentoj okupis: Jen, en Hanovero loĝis la polaboj (kies lingvo estingiĝis dum la 17-a jarcento), en Holsatio la vagrioj, en Meklenburgo la obotritoj, linonoj kaj vilcoj, en Brandenburgo (entenanta la arealon de la hodiaŭa Berlino) la hevelloj kaj en Luzacio la soraboj. En ĉiuj ĉi regionoj la nomoj de multaj urboj kaj vilaĝoj ankoraŭ nun montras la venedan originon. Intertempe la ĝermanoj estis fondintaj germanan regnon kaj provis repremi la venedojn orienten per akraj atakoj, kiujn ĉi tiuj longe sukcesis kontraŭstari, ĝis en la jaro 928 la reĝo Henriko I povis rompi la reziston de la slavoj. Ekde tiam komencis la submetado kaj posta germaniĝado de ĉiuj venedaj gentoj krom la soraboj, kiuj solaj sukcesis konservi sian popolecon kontraŭ la superema germana kulturo, kaj se oni hodiaŭ parolas dri venedoj, tiel oni celas la sorabojn.

*Lando kaj popolo.*

La soraboj, kiuj nomas sin « serby » (serboj, germ. Sorben), loĝis iam en la tuta Luzacio (Lausitz), el kiu nun la Supra Luzacio apartenas parte al Saksio kaj parte al la prusa provinco Silezio, kaj la Malsupra Luzacio kun la fama Spreva Arbaro (Spreewald) al la provinco Brandenburgo, sed el la tuta loĝantaro de la Luzacio nuntempe nur 4% parolas venede. Ne estas malĝuste se oni asertas, ke la soraboj estas malaperanta popolo, kio ankaŭ estas ekkonebla el la fakto, ke antaŭ la granda milito oni nombris 123.000 sorabojn, sed dum la lasta censo nur 62.000 sin anoncis kiel sorabe parolantaj, el kiuj 1/10 estas katolikaj laŭ kredo kaj la ceteraj evangelianaj. Plej favora por la estingiĝo de la soraba lingvo estas la propra indiferenteco kaj malintereso de la soraboj rilate al iliaj lingvo kaj aferoj. Kvankam en la lernejoj la instrulingvo estas germana, tamen la sorabaj infanoj havas kelkajn favoretojn koncerne sia lingvo; sed nur tre malofte oni renkontas infanojn povantajn flue paroli sorabe, kio atestas pri tio, ke eĉ en la hejmoj la soraba lingvo nur malofte estas uzata. Cetere ekzistas en la domoj ne ofte io alio en soraba lingvo ol malnova almanako. Kelkaj fervoruloj ja troviĝas, laborante kaj agitante por la konservo de sia popolo, ja eĉ iuj aliĝis al la panslavisma movado kaj sekve de tio tuj post la granda milito en 1919 pretendis la rajton de aŭtonomio, sed kiel tiam ili ankaŭ nun ne sukcesas revivigi konsciecon pri la valoro de sia popoleco kaj ili ne povos malhelpi la absorbiĝon en la germana popolo.

*La Spreva Arbaro.*

Turisme tre interesa estas la Spreva Arbaro, kies estiĝo estas tre stranga. Dum la glacia epoko kolektiĝis en la rivera valo de la Sprevo (Spree) la akvo de la degelantaj glaciejoj. Iom post iom ensabliĝis kaj marĉiĝis la teritorio simile kiel rivera enmariĝo. La tuta valo tegiĝis per densaĵo da arboj, arbedoj kaj precipe marĉplantoj. La nivel-diferenco estis tre malalta kaj sekve de la eta fluo disbranĉiĝis la Sprevo en sennombraj river-brakoj, per kio estiĝis multegaj insuletoj. Inundoj, detruiĝado per la vintra glacio kaj terkulturado fine forigis la arbojn, kaj nuntempe la Spreva Arbaro estas vasta malaltaĵa herbejo kie abunde kreskas legomoj, kukumoj, cepoj, fruktoj kaj asparagoj, kiujn oni vendas precipe dum la ĉiutagaj foiroj en la proksima Berlino. Ĉar la tuta teritorio konsistas el insuletoj, tial la terkulturistoj nur povas atingi siajn kampojn, herbejojn, legomĝardenojn kaj la najbarajn domojn pere de plataj boatoj, kiuj tute anstataŭas la alie uzatajn kamparanajn veturilojn. Dum la vintro okazas la tuta interkomuniko pere de glitveturiloj kaj glitŝuoj. Pro ĉi malfacila alirebleco la ĉi tieaj soraboj povis plej longe ol la aliaj konservi siajn kutimojn, lingvon kaj kostumojn.

*La soraba lingvo.*

La soraba lingvo (serbska reĉ; germ. wendisch) situas inter la pola kaj la ĉeĥa lingvoj, sed estas iom pli simila al la ĉeĥa. Ĝi estas parolata en du dialektoj, la montsoraba (hornjoserbski) en la Supra Luzacio kaj la valsoraba (dolnoserbski) en la Malsupra Luzacio. Malgraŭ la longdaŭra influo de la germana lingvo la soraba idiomo ne entenas tiom multe da fremdvortoj, kiel ekz. la rusa. La literaturo estas tre juna, komencinte ne pli frue ol dum la 16-a jarcento per nure religiaj verkoj, inter aliaj traduko de la biblio de Fabricius kaj Fryco. Nur en la komenco de la 19-a jarcento ekestiĝis moderna literaturo, kies fondinto estis la poeto kaj pastro Handri Zejler (Andreas Seiler; 1804-1872). Fortan akcelon ricevis la lingvo per la laboroj de la filologoj Smoler (Schmaler; mortis 1884), Michal Hornik (mortis 1890) kaj profesoro d-ro Arnoŝt Muka (Ernst Mucke; 1854-1932), el kiuj precipe la lastcitita per siaj gramatikoj, vortaroj kaj aliaj lingvosciencaj verkoj kaj ankaŭ per komedietoj, rakontoj k.s. estis treege grava por la soraba literaturo. Aliaj nomindaj verkistoj estas Jan Radyserb-Wjela, Jakub Ciŝinski kaj precipe por la valsoraba idiomo F. Teŝnar (1829-98), H. Jórdan (1841-1910), Ch. Ŝwela, Mato Kósyk kaj d-ro Bronis. Rimarkinda estas la emo al verkado de versoj, ĉar oni ne trovas ĵurnalon aŭ revuon sen iu poemo. Por la sciiĝo prezentado de la lingvo oni uzis ĝis nun la germanajn literojn, sed iom post iom oni transiras al la uzado de la pli konvenaj latinaj literoj. La intelekta centro de la soraboj estas la urbo Budiŝino (Bautzen) kun la « Serbski Dom » (Soraba Domo), kie inter aliaj la grava unuiĝo « Macica Serbska » (Panjo Soraba) havas sian sidejon. En Budiŝino aperadas ankaŭ la sola ĉiutaga gazeto « Serbske Nowiny » (Sorabaj Novajoj) en eldonkvanto da nur ĉk. 1.800 numeroj tage. El la malmultaj aperantaj revuoj estas notinda nur la monata gazeteto « Luzica » (La Luzacio), kun pleje beletra enhavo. Cetere ekzistas kelkaj pure religiaj dimanĉo-gazetetoj, kiel ekz. « Pomhaj Bóh! » (Helpu Dio!) kaj « Nowy misionski posol » (Nova misia Sendito), eldonataj de evangeliaj pastroj, kaj « Katolski Posol », katolika eldonaĵo. Certe ankaŭ por la soraba lingvo Esperanto povus esti grava helpilo por ĝia konservado, sed ĝis nun ĉiu varbado estis senefika. Baldaŭ la lasta postsigno pri ĉi lingvo estos kelkaj libroj kaj la gramofonaj diskoj de la « Instituto por fonetikaj esploroj ĉe la universitato en Berlino ».

*Lingva komparo.*

Kiel ĉe la baska kaj bretona lingvoj ni ankaŭ ĉifoje komparu la idiomon pere de teksto el la libreto: La vorto de Dio en multaj lingvoj. La unua teksto estas en montsoraba lingvo kaj la dua en valsoraba, al kiu sekvas fonetika transkribo de la valsoraba citaĵo por iom montri, kiel la lingvo sonas. La akcento restas ĉiam sur la unua silabo.

*Alte veneda aŭ soraba.*

Prusio kaj Saksio.

Pŝetoz tak je Bóh ton swjet lubowal, zo wón swójeho jeniĉkeho narodzeneho Syna dal je, so bychu ŝitcy, kiz do njeho wjerja zhubeni nebyli, ale wjeĉne ziwenje mjeli.

*Vale veneda aŭ soraba.*

Prusio.

Pseto tak jo Bóg ten swet lubowal, az wón swójogo jadnonarozonego syna dal jo, aby ŝykne do nógo werece, zgubjone nebyli, ale to nimerne zywene meli.

*Fonetika transskribo de la valsoraba teksto.*

Pŝjeto tak jo bog ten svjiet ljubovaŭ, aĵ ŭoen svœejogo jadnonaroĵjonego syna daŭ jo, aby ŝikne do njogo vjierjece, zgubjone njebylji, ale to nimjerne ĵyvjenje mjielji.

*Esperanto.*

Ĉar Dio tiel amis la mondon, ke li donis sian solenaskitan Filon, por ke ĉiu, kiu kredas pri li, ne pereu, sed havu eternan vivon.

## La mistika nombro

En la supera teorio de nombroj oni starigis tiel nomatan serion da nombroj perfektaj: 1 6 28 .... Nu, la tria perfekta nombro (28) estas samtempe la nombro de Esperanto; tio okazis kiel neantaŭvidebla sekvo de la subkonscia spirita laboro, kiun Zamenhof montris en pluraj punktoj de sia genia produktaĵo. Tiu nombro efektive ludas fatalan rolon en nia movado. La esperanta aboco entenas 28 literojn. Zamenhof estis 28-jara, kiam li publikigis sian unuan libron. Unuatempe nia lingvo estis nomata: « Lingvo Internacia », kaj poste: Lingvo de D-ro Esperanto; kaj nur fine: « ESPERANTO ». La kaŭzo estis simpla: la unua lernolibro estis titolita: *D-ro Esperanto. Lingvo Internacia.* Nu, en tiu fama titolo estas 28 literoj. Jam delonge oni diras duonŝerce-duonserioze: komencanto fariĝas vera esperantisto depost tiu momento, kiam li komencas ĝuste uzi la akuzativon. Oni diras ankaŭ ke la iama Prezidanto de la Akademio, Th. Cart, estis unua franco, kiu senerare uzis la akuzativon. Nu, la fundamenta regulo pri la fama akuzativo estas en la 28-a paragrafo de l'Ekzercaro. Se leganto ankoraŭ hezitas, kaj ne admiras la koincidon, ni povas daŭrigi: la fundamenta gramatiko entenas 28 sufiksojn; la originala kaj traduka verkaro de Zamenhof entenas 28 librojn! La katalogo de la Centra Librejo en Parizo (1918-a jaro) indikas 29 librojn,... sed la lasta, 29-a, estas la verko « Aspazio », tradukita de l' Zamenhof-a frato (Leono), do ĝi erare estis nomita en la Zamenhofa verkaro, kaj do la fatala nombro ree triumfas.

Ivan Skito.

# Atentu la novan adreson de UEA : Palais Wilson, Genève

## XVII-a SAT-Kongreso

La XVII-a Kongreso de *Sennacieca Asocio Tutmonda* okazis de la 31. julio ĝis 6. aŭgusto 1937, en Roterdamo (Nederlando). Ĝi fariĝis granda sukceso por la Asocio kaj por la laborista esperantismo.

Partoprenis tiun Kongreson 806 Gekamaradoj el 16 landoj, kiuj kun nova entuziasmo konfirmis la ĝustecon de la principoj, sur kiuj estas bazita S.A.T., nome: individua membreco, superpartieca karaktero, sennacieca strukturo. La raportoj de la Plenum-Komitato trovis unuaniman aprobon. La debatoj pri ili, same pri la organizaj problemoj okazis en plena harmonio kaj frateca atmosfero. Tiuj debatoj plenigis kvar labor-kunsidojn, kaj paroladis membroj el tre multaj regionoj, eĉ el landoj, el kiuj vizito apenaŭ estis atendebla.

Brilan interfratiĝ-vesperon ĉeestis pli ol 1.300 personoj; same la Solena Malfermo unuigis preskaŭ la saman nombron. La urbestro akceptis la kongresanojn ĉe la urba domo, kie okazis parol-interŝanĝoj kaj regalo. Malofta plezuro estis la vizito al la ŝip-giganto « Statendam ». Oni ne forgesis la hispanajn Kameradojn, por kiuj estis kolektitaj proksimume 100 guldenoj. La landa gazetaro multe raportis pri ĉi tiu Kongreso, kiu havos ankoraŭ longan eĥon en nia movado, tiel rilate la propagandan kiel la organizan flankon.

## Turisma servo

Dum la kongreso en Varsovio estis disdonitaj pluraj turismaj presaĵoj inter ili pri

## Krynica

la plej fama kaj fontriĉa kuracloko en Polujo. Broŝuro kun plurkolora kovrilo, 20 cm alta 10 cm larĝa, 24 paĝa kun 35 bildoj en Sepia maniero. Teksto klara kaj simpla, prilaborita de la Scienca Esp. Rondo en Bydgoszcz.

Krynica, troviĝanta en la Beskid-Montaro provinco (vojevodejo) de Krakovo, fariĝis pli vaste konata laŭ la nomo pro la restado de reĝidino Juliana, edziniĝinta dum pasinta jaro kaj pasiginta la vintron en Krynica.

## Viipuri

la dua urbo laŭ graveco en Finnlando, samtempe komerca centro de orienta parto de la lando. 16 paĝa broŝuro, formato 21 cm alta, 12 cm larĝa, kun multkolora kovrilo informas pri la ĉefaj sciindaĵoj; urba plano kompletigas la tuton. Oni povas ricevi la broŝuron skribante al Viipurin Kaupungin Retkeilylautakunta (Urba Ekskurs-komitato) Viipuri, Finnlando.

## Praha

ne povas nek rajtas manki en vico de turismaj propagandiloj! Belega presaĵo laŭ formato iom nekutima ĉe tiaj presaĵoj: 22 cm alta, 18 cm larĝa konigas al ni kion ni ja bonege konas jam, kaj kion esprimas versaĵo de Svatopluk Cech en la poemo Zizka

Praha, koro kiu de ĉiam
batas en brusto de ĉeĥa lando
kies pulso respondas ame
al jubilo ĝia aŭ ve-krio,
centropunkto, kiun algravitas
la popolo por kultur-ekzalto;
trezorkesto, kie kaŝiĝas
majstroverkoj de l'arto ĉeĥa.

Multaj bildoj en nigra preso, bona teksto kun amaso da sciindaj detaloj pri urbo kaj lando formas tutaĵon tute taŭgan por la celo.

# LINGVO KAJ VIVO

## Evoluo de Esperanto

**Kritik-historia skizo de Petro Stojan**

XII.

(*sekvo*)

En mala kazo, sub tiu kiraso ĝi sufokiĝos, formortos, kiel pereis Volapük. Kaj ĝin ne revivigos kapitaloj, nek registaraj aproboj, nek oficialaj institucioj.

La sorto de la latino estu por ni ĉiama memorilo. Devige instruata en ĉiuj kulturaj ŝtatoj, dum jarcentoj, universale uzata en katolika eklezio, potenca kaj vere tutmonda, la lingvo latina formortis definitive kaj neniam plu reviviĝos. Ni donu al Esperanto internan forton kaj ĝi ne bezonos esti apogata sur registaraj aproboj. Konservula tendenco al muzeaĵoj, klasikaj mumioj, policaj ordonoj..., estu kondamnitaj en nia rondo kaj ĝin anstataŭu progresema adaptigo de la lingvo al ĉiam novaj bezonoj de la vivo.

Per tia renoviganta progresado ni povus reveni al la homara familio, post longa izoliĝo nia en la verdstela fanatismo. Ĉiufoje kiam niaj ĉefoj fiaskis. ili kulpigis la homaron, la sciencon, la politikon, ignorante niajn proprajn mankojn. Iom-post-iom oni forigis nin el la tuthoma vivo, oni ŝlosis nin en fieran kastelon de Esperantujo, for de la variada vivo. Kvazaŭ dum lastaj 50 jaroj, depost la kreo Zamenhofa, nenio ŝanĝis en la mondo. Kun nia himno, standardo, signaro,eta registaro, propra literaturo,ni imagis nin « *elektita popolo* , ĝermo de « *superhomaro* », kiu povus vivi en ideala absoluta mondo da perfektaj ideoj. Esperantujo invitis la homaron, la homaro ignoris Esperantujon. Estis kvazaŭ du gigantoj, rivaloj pri la superrego de la universo. Nun ni subite malblindiĝas, kaj vidas ke nia eta formikejo svarmas kaj agitas en izoleco, dum la homara mondo marŝas sian vojon. Kiam la monto ne volis paŝi al Mahometo, tiam Mahometo alpaŝis la monton. Ni faru same kaj reeniru la homaron, kies ero ni estas. Kaj nian lingvon ni formu laŭ la postuloj de la nova tempo, lasante netuŝeblaj la sanktajn librojn, valorajn nur por la historio. La spirito supervenku la literon.

### Falsa progreso

Oficialaj esperanto-filologoj, lingvokomitatanoj, aŭtoroj de esperanto-naciaj vortaroj, fine — eminentuloj, gvidantoj, ĉefoj, ili ĉiuj forte bezonis kaj ege deziris la progreson... tiom ofte oni ripetis, ke la « *progreso estas vivo, ke la stagnacio estas morto* ». Kaj ili ĉiu, laŭ sia povo, puŝos Esperanton al tiu flanko, kiun ili opiniis « *progreso* ».

Estis jaroj 1900, 1910, kiam Okcidenta Eŭropo febre kuris al la « Progreso ». Hieraŭ fabriko produktis 1.000 tunojn da... sukero, tabako, aŭ fero, — morgaŭ ĝi progresis ĝis 2.000 tunoj, Eldonejo vendis je 100.000 frankoj librojn, post ĝi progresis ĝis 150.000. Lerneja programo enhavis 20 sciencojn per 7 jaroj ĝia progreso estis atingi 30 aŭ 40 sciencojn per la sama daŭro. Tia estis por la publiko la ideo pri « progreso ». Kvanto, nombro, rapideco, maŝinigo, pligrandigo. Neniu kuraĝis kontraŭdiri, demandi pri sano, moralo, natureco, vivo, justo, bono. La idealo de « progreso » de la 19-a jarcento fidele inokuliĝis en Esperanton, kaj tia restas ankoraŭ nun.

Pligrandigi vortarojn, plinombrigi vortojn, plimultigi radikojn, — iel ajn, sen zorgo, sen kritiko, blinde, pogrande, rapide. Kaj la nombro de envortaritaj 3.000 en 1905, 12.000 en 1909, kreskis, kreskegis senlime. Kontraŭ ĉiu bonsenco, senbezone, nur por ŝveligi volumojn, oni enigis absurdajn, arkaikajn, trofakajn, neuzotajn kaj neuzeblajn monstrojn. Nia komuna literatura lingvo estis ankoraŭ elementa, nedisvolvita, sen sintakso, sen frazeologio, — kaj tamen la progresemuloj laboregis por ĝin « riĉigi » je tiu balasto.

« Esperanta Versfarado kaj Rimaro » (1909) rekomendas al poetoj, interalie, jenajn perlojn : *kontumaco, mezalianco, alkaldo, avistardo, mirmekofago, sandarako, brakialo, diktamno, kremastro, droganto, emfizemo, kikero, haruspekso, kantonmento, referendario, kolokasio, libertinismo, bukcinatoro, furzo,* kaj mil aliajn. « Plena Vortaro de Esperanto », (1930) kiu — pro manko de loko — nedonas eĉ ĉiujn fundamentajn radikojn (kies nombro estas nur 2.771), tamen forte progresigas la lingvon, enkondukante : (nenie uzitajn) *abutmento, impedanco, anfrakto, kokri, basio, boaco, cerebelo, dahiski, desmodio, dikotoma, akbalio, plosivo, ginostemo, kinkonino, koledoko, laniarino, ofertorio, strando, teamo, uretero, vortico,* kaj m.a. Tiaj vortoj estas superfluaj eĉ en milpaĝa vortaro, kiu celus komplete prezenti nur fundamentan lingvon, kun elementaj vortoj. Oferante tro al la dio de progreso, oni forrabas multon de la simpla bezono. Kaj efektive, ni ne trovas en la « Plena Vortaro » respondojn je mil kaj mil duboj, demandoj, serĉadoj de elementaj vortoj.

Ni trovas en la « Plena Vortaro » la vortojn *indiano, cigano,* sed ne trovas la fundamentajn *franco, hispano,* k.m.a. La vortaro klarigas *abdomenon* kiel *ventron,* kaj *torakon* kiel *bruston,* do tiuj duoblaĵoj aŭ ne utilas, aŭ estas nesufiĉe difinitaj. Apud *geografio* (scienco), ni trovas *geografo* (homo), sed apud *fotografio* (arto), ni ne trovas *fotografo,* kies sencon ni tamen volas scii : ĉu homo, ĉu ago, ĉu aparato ? La transitivaj verboj : *gravuri, verki, traduki, pentri* permesas formi substantivojn : *gravuro, verko, traduko, pentro,* kies sencon ni ne ĉiam trovas an la Plena Vortaro. Unue ŝajnas, ke tiuj kvar substantivoj signifas : ago, kaj la vortaro tion indikas per « traduko », sed sfinkse silentas pri la ceteraj. La zamenhofa vorto *pentraĵo* forestas, kvazaŭ nekonsilinda, sed estas cititaj : *bonaĵo, dolĉaĵo, gravuraĵo,* k.m.a., kies senco ne elvokas dubojn. Du sufiksoj estas indikitaj por nomi « adepton » : *an* kaj *ist,* sed ne estas pravigebla la diferenco de ilia uzado, laŭ senco de « religiano » kaj la maloftaj ekzemploj nenion komprenigas : *luterano* kaj *budaisto, kristano* kaj *monoteisto, mahometano* (vorto kiu mankas en la aboca vico, sed estas ĉe la « islamo) kaj *esperantisto. Licencio* donas *licenciato, diplomatio* — *diplomato, demokratio* donas *demokrato* kaj *demokratiano, delegacio* — *delegato* kaj *delegito, kancelario* — *kanceliero, sekretariejo* — *sekretario.* Tiuj variaĵoj ne estas klarigitaj. Kia diferenco estas inter « delegato » kaj « delegito », « demokrato » kaj « demokratiano » ? Pri tio la vortaro silentas, sed pri alio nebezona, abunde klarigas : *likorno, helikrizo, erantido, pluskvamperfekto, melolonto,* ktp. Estas kvazaŭ oni proponas ĉampanon al malsatulo, kiu bezonegas panon.

### Hezito kaj ŝancelado

Kiam Zamenhof ne povis decidi inter du proksimume egalvaloraj formoj, li hezitis, ne volis respondeci pri la solvo, kaj lasis la elekton al siaj disĉiploj, prave opiniante, ke la kolektivo glatigos individuajn kapricojn, kaj ke la praktiko elprovos taŭgecon de novaj formoj. La Fundamento uzas la formon « jarmilo » (« Mil jaroj faras jarmilon »), kaj la himno kantas : « forte staras muroj de miljaroj ». La Lingva Komitato do devus sisteme esplori similajn kazojn (virbovo aŭ bovoviro, jarcento aŭ centjaro, triangulo aŭ angultrio...,), trovi principon, kaj unufoje por ĉiam solvi la demandon. Tion ĝi tamen ne faris, lasante la solvon al la publiko. La Fundamento mencias la definitan artikolon LA, sen klara regulo pro ĝia uzado, kaj tuj poste Zamenhof aldonas : personoj, kiuj trovas ĝin malfacila, povas ne uzi ĝin. La Akademio neniam volis esplori tiun problemon de nia elementa gramatiko, kaj la hezitoj daŭras.

## Atentu la novan adreson de UEA : Palais Wilson, Genève

Zamenhof ni legis, ke pri la homo kaj infano oni uzu *ĝi* (ĉar sekso ne estas fiksita), kaj tuj poste en la sama verko ni legas ke pri la homo akj infano ni uzu *li,* ĉar *ĝi* ne decas por la homa digneco. La Lingva Komitato pligrandigis la nombron da tiaj duoblaj solvoj, kiuj ege embarasas kurs-estrojn.

La « Plena Vortaro de Esperanto » (1930), en kies verkado partoprenis 3 Akademianoj kaj 11 Lingvo-Komitatanoj estas dokumento, kiu havigas preskaŭ senliman nombron da ekzemploj de tiu ŝancelado en principoj kiun postlasis Zamenhof al siaj disĉiploj. La Plena Vortaro redaktita de la Vic-Prezidanto de Esperantista Akademio, komencas elmontri sian hezitadon jam ĉe Fundamentaj vortoj. Formante arbonomojn el fruktonomoj, la aŭtoroj uzas du sistemojn : la Fundamentan por diri —*ĉerizujo, prunujo, vinberujo,* kaj la malfundamentan por : *merizarbo, pomarbo, kokosarbo.* Verŝajne la unua sistemo rilatas al arboj kun etaj fruktoj, kaj la dua kun grandaj fruktoj. Tia distingo vere pliriĉigas nian lingvon, ĉar eĉ tiu kiu konas la arbospecojn tuj scias ke ekzemple *morusujo* donas etajn fruktojn, sed *oranĝarbo* — grandajn. Sen ia dubo, la duobla nomo : *persikujo* kaj *persikarbo* (362-a paĝo) pruvas, ke tiuj fruktoj maturiĝas varie, jen etaj, jen grandaj, kaj pro tio la sciencaj aŭtoroj rezervigas por la arbo du nomojn. Priskribante koloron de animaloj la aŭtoro uzas plurajn sistemojn : *cigno* estas blanka birdo, *fuligulo* estas anaso « de » bela nigro, *korvo* estas nigra birdo, kaj *pava vosto* estas kovrita « per » brilaj makuloj. Du stilzaj birdoj *cikonio* kaj *gruo* estas karakterizitaj malsame : cikonio longpieda... gruo longkrura... (ĉu asonanco : i kun i, kaj u kun u ?). « Aŭtomobilo » estas mov*ata de* motoro, kaj « motorfiakro » estas mov*ita per* motoro. *Damao* estas mambesto, *pakidermo* estas mamulo.

*Tetro* el familio de galinacoj, *fazano* el familio de kokbirdoj *perdriko* el familio de kokoj — apartenas efektive al unu sama familio, al kiu la aŭtoroj donas tri variajn nomojn. Por nomi familion kiu entenas katon, tigron, panteron, k.c. la aŭtoroj enkondukas novan radikon : *Felcidoj,* kaj uzas ĝin por difini gepardon, sed poste la *pantero* estas difinita kiel genro da katoj, kaj *tigro* kiel besto el familio de katoj. *Linko* estas karnomanĝanta, *Strigo* — viandomaĝanta, Ŝarko — manĝavida.

Inter la noveproponataj radikoj ni trovas *kokri* kiu celas anstataŭigi la zamenhofan kaj fundamentan adulti ; tiu nova vorto ne estis elprovita en antaŭa uzado, ĝin inventis kompilinto. Anstataŭ la fundamenta *akra,* la Plena Vortaro proponas *akuta* : se la Fundamento enhavus *akuta,* verŝajne la Plena Vortaro proponus *akra,* ĉar estas neeble pruvi ke unu el tiuj du vortoj estas pli bona, pli internacia, ol alia. Sed male, la fundamentaj : alciono, skolopo, meleagro, — restis, kvankam ni konas plitaŭgajn (ĉar pli internaciajn) : alcedo, bekaso, hindokoko.

Multe pli gravaj estas kunmetitaj vortoj, kiuj donas al la lingvo ĝian tipan karakteron. La zamenhofa kaj fundamenta *brulumo* (malsano) estas anstataŭata de *inflamo.* La unua regule formiĝas el « bruli », la dua neregule el « flamo », do kiel bildesprimoj ili ambaŭ egalvaloras. Sed la Plena Vortaro preferas nepre ion novan, eĉ neregulan.

Por diri : supro de tegmento, aŭ tegmanta pinto, por la Plena Vortaro ne sufiĉas la fundamenta *supro* aŭ *pinto,* ĝi proponas *firsto,* vorto nebezona kaj neinternacia. Anstataŭ la fundamentaj : *fluida, mallakso, ŝima, patrujo...,* ni trovas : *likva, konstipo, mucida, ŝimodora, patrio.* Estas vere ke tiaj novaĵoj estas pli kompreneblaj por franco, kiu ja havas la siajn : liquide, constipation, mucilage, patrie. Tiuj novaĵoj jam estis proponitaj en 1910 en la « Dictionnaire Complet » de Grosjean-Maupin, kiu samtempe enkondukis : *arkano* (sekreta ilo), *bestiala* (bruta), *blazo* (veziko), *cepo* (bulbo), *dartro* (likeno..., S-ro Corret jene tion juĝis en « Lingvo Internacia » (1910, p. 527) » (Vortaro) enhavas amasegon da pli-malpli senutilaj vortoj, elpensitaj de la aŭtoro mem aŭ ĝis nun renkontitaj nur en Idaj... tekstoj, kiel ekzemple : *apropose* (pri tio), *forse* (eble), *nam* (ĉar), *no* (ne), *olim* (iam), *aspra* (malglata), *sinistra* (maldekstra)... Aliaj vortoj estas diverse kripligitaj por plibonigo : *alumedo* (alumeto-), *akridio* (akrido), *fenklo* (fenkolo), *harengo* (haringo), *leĝendo* (legendo) *lekando* (lekanto), *lolio* (lolo), *roado* (rodo): Kaj s-ro Cart aldone diris « ... tie ĉi la eraroj (de la vortaro de Grosjean-Maupin) estas volaj, intencaj, sistemaj, ili ne plu estas eraroj, sed kulpoj kontraŭ la lingvo. Tia vortaro estas ne nur malbona vortaro, sed ankaŭ malbona ago ». Kaj en sekvinta kajero (Jan. 1911) s-ro Cart skribis : « ... neniu povas nei, ke la dirita vortaro subfosas la lingvon de Zamenhof. « Pola Esperantisto » skribis : « Tiu ĉi vortaro konsternis nin kaj afliktis... vera atenco ĝi estas. « Ondo de Esperanto » (Moskvo) severe skribis : « ... la estimata aŭtoro sentime enkondukis... preskaŭ la tutan radikaron de la lingvo franca, aldonante nur esperantan fleksion al francaj radikoj... *klostro* (monaĥejo), *grose* (pogrande), *par* (per),... la aŭtoro ne tre sukcesas en la vortfarado : *plisentecigi, malalmenaŭ, masero, perplena, maltuta, ĉioj, maltre,...* ni povas diri ke S-ro Grosjean-Maupin verkis efektivan malvortaron. « Sama kondamno sonas en « The British Esperantist (Febr. 1911) : Tre bedaŭrinde... ke la firmo Hachette eldonis tian kontraŭprincipan verkon... leksikonistoj ne kreas lingvojn, sed simple raportas la vortajn faktojn... » Nu, en la « Plena Vortaro » de 1930 oni rekomencas la kulpon de 1910, ĉar ni vidas en ĝi novaĵon *nenie* alprovitajn per praktiko, sed perforte enkondukitajn : *aboli, adzo, agnato, agro, aĵura, alianco, alvuso, apeli,* En « Lingvaj Respondoj » de *aristo, braĝo, budaismo, buleo, ĉoto, darno, eĝo, enado, flanĝo, forsto, gaŭlto, grajlo, grejso, kokri, kropfo, leŭso, meringelo, modluro, naŭno, okcipito, polekso, prezenco, rivoluo, strebi, strobilo, ŝlako, ŝrumpi, vespro,...* Tamen neniu legis protestojn kaj kondamnojn en la gazetaro. Granda signo de iu apatio, laceco de la konservema partio !

(Daŭrigo sekvos).

### NIAJ MORTINTOJ

Pretigante la presigon de la nuna numero atingas nin la informo pri la forpaso de

**S-rino Juliette Vatré-Baudin**

edzino de Henri Vatré, ambaŭ sindonaj esperantistoj multe klopodintaj por la Zamenhofa Grupo en Ĝenevo.

S-ino Vatré, pli bone konita sub ŝia gepatra nomo *Baudin,* dum multaj jaroj laboris kiel sekretariino de l'estinta ICK kaj sciis akiri al ŝi la ŝaton de ĉiuj pro ŝia milda karaktero, senlaca sindono kaj modela modesteco, Senkompata sorto senigas edzon de kunulino kaj la ĝenevan esperantistaron de kamaradino, ĉiam preta por konsilo kaj kunhelpo.

S-ino Vatré mortis atinginte nur 27 jarojn, 11. Sept. 1937.

*R. I. P.*

# S. O. S. !

Mi petas ĉiujn kuracistojn kaj aliajn esperantistojn atente tralegi tiun ĉi artikoleton kaj helpi al mi. Ĉar ĝi estas mia lasta provo trovi, pere de Esperanto, mian resanigon.

Mi estas 28-jara studento de juro, jam *dekdu jarojn* malsana je okuloj. Nomo de malsano : « conjunctivitis vernalis » aŭ » « primaverilis » (esperante « Printempa konjunktivito », germane « Frühjahrskatarrh »). Jam de mia 16-a jaro mi iras de doktoro al doktoro, el unu malsanulejo en la alian kaj en kelkaj lastaj jaroj kuracas min konstante s-roj profesoro kaj aliaj doktoroj de nia universitata okulkliniko en Zagrebo. Ili estas tre bonaj kaj multe helpas al mi, sed tute kaj radikale ili ankoraŭ ne povas forigi mian malsanon.

Tial mi decidis tiun ĉi paŝon kaj petas kuracistojn el ĉiuj landoj, ke ili helpu al mi kaj skribu pri siaj spertoj kaj metodoj en kuracado de mia malsano. Ili bonvolu sendi al mi malgrandajn referatojn aŭ broŝurojn, en kiuj estas io ajn skribita pri « conjunctivitis vernalis ». Aliaj esperantistoj-nekuracistoj povas ankaŭ multe helpi al mi. Se ekzistas en via urbo bona kuracisto-okulspecialisto, iru al li, notu ĉion, kion li diros pri « conjunctivitis vernalis, traduku tion Esperanten kaj sendu al mi. Vi povas ankaŭ sendi al mi germanajn, anglajn kaj francajn referatojn, se estas malfacile al vi pro fakaj esprimoj traduki ilin Esperanten. Mi volas trastudi tiun ĉi malican kaj dolorigan malsanon, kiu multe malhelpas min en mia studado kaj mensa evoluado.

Mi volas batali kontraŭ ĝi kaj aktive helpi al ĉitieaj kuracistoj en kuracado de mia malsano. Tial mi firme kredas, ke ankaŭ vi ĉiuj, kiuj legas tiun ĉi mian artikolon, multe helpos al mi en miaj penado kaj intencoj. Se mi havus monon, mi povus simple veturi el unu lando en la alian al famkonataj specialistoj, aŭ loĝi dum printempo kaj somero ie norde aŭ sur altaj montoj, kie ne regas varmeco kaj kie ne kreskas floroj kaj aliaj kreskaĵoj. Ĉar dum vintro mi estas tute sana de si mem ! Sed mi estas simpla malriĉa studento, kiu krom tio devas labori por ĉiutaga pano, kaj kiam mi malsanas, mi povas nek studi nek labori. Sed mi tamen montros al la mondo, ke mi ne devas veturi eksterlanden, se mi estas esperantisto. Mi restas ĉi tie, sed en la tuta mondo ekzistas multaj homoj, kiuj estas pretaj helpi al mi, kaj kiuj helpos al mi, ĉar ili estas esperantistoj kiel mi. Kaj mi firme kredas ke ĉio ne restos nur sur papero, sed ke mi havos tamen praktikajn utilojn de ĉio ĉi.

Se iu deziras iajn pli detalajn sciigojn, bonvolu nur skribi al adreso : *Turković, Aleksander, aps. iur., Zagreb — Ivkančeva 8-II.-Jugoslavio.*

Mi dankas jam nun al ĉiuj por ilia helpo, kaj ĝoje mi denove raportos al vi pri rezultoj de tiu mia provo, ĉar mi volas eluzi ĉion ankaŭ por propagando de Esperanto. Mi volas montri al ĉiuj, ke Esperanto povas multe utili kaj helpi en ĉiutaga praktika vivo.

*Do, mi atendas vian helpon* ! ! !

# Vizito de Junaj Anglinoj al Esperanto-Domo, Arnhem

## 27-7 ĝis 6-8, 1937

Kiel montri al la gejunuloj ke Esperanto estas pli ol korespondilo kaj kolektilo de poŝtmarkoj ? Tio estas por instruisto problemo. Ĉiujare el Anglujo iras centoj da knaboj kaj knabinoj gvidataj de fervoraj geinstruistoj, kaj kune ili vizitas la pli konatajn urbojn kaj distriktojn de la proksimaj landoj, rigardas la vidindaĵojn, aŭdas ĉie la lingvon de la lando vizitata, aŭ la anglan lingvon mem, ĉar pro la vizitantoj estas multaj kiuj parolas tiun lingvon. Inter la junaj alilanduloj mem, kiam oni renkontas ilin, estas ankaŭ multaj kiuj studas la anglan lingvon kaj ĝojas havi la okazon praktiki ĝin. Do ĉu estas mirinde se oni pensas ke Esperanto estas flanka afero ?

Pro tiuj ĉi kialoj estas aranĝite la vizito al la Esperanto-Domo en Arnhem, ĉar kompreneble oni audos tie la lingvon Esperanton kiel ĉiutagan aferon, kaj konatiĝos kun alilanduloj kies ĉeesto estos mem interesa sperto, kaj donos al tiu libertempo iom da neordinarecoj kaj la internaciecon en kies medio Esperanto tiel bone funkcias.

Por la kvin anglinoj (17-19 jaraj) tiu estis la unua vizito al alia lando. Kiel feliĉa estis por ili la renkontiĝo ĉe la stacidomo en Arnhem kiam junaj nederlandaj samideanoj tiel gaje akceptis ilin ; kiel kontentiga la libera hejmatmosfero de la Arnhem Domo ; kiel surpriziga (por ili !) la fakto ke Andreo Cseh estas vere vivanta kaj ne nur nomo.

La tagoj estis plenaj de intereso kaj plezuro : naĝado en la apuda rivero Ijsel ; biciklado laŭ la nederlanda maniero ; sunbaniĝo en la parko de la Domo ; promenadoj en la ĉarma ĝardenurbo ; butikumo ; kinemejo ; ekskursoj al Marken kaj Volendam, Hilversum, Nijmegen, la Middachter Aleo, Westerbouwing sur Rejno ; vizitoj al la subĉiela muzeo, la « Sankta Lando », la Trompulinetoj (pri kiuj ni silentas !) ; kaj ĉiam la gaja kunesto kaj gvidado de samideanoj kiuj ankaŭ volis ŝerci, ridi kaj kanti.

Ni revenas en la vespero, rondsidas en la konversacia salono, kantas, babiladas, ludas aŭ promenas en la parko.

Ĉiam estas venado kaj irado de samideanoj. La enirbarilo klake fermiĝas. Jen grupo de junaj francoj kiuj venis el Bordeaux, jen Aŭstro kiu travojaĝas Nederlandon bicikle, jen aŭtomobilo kun Esperanta flago kaj diversnaciaj vojaĝantoj, jen junaj soldatoj militservantaj en Arnhem kiuj venas por konatiĝi kun korespondantino. Multaj homoj venas por enpoŝtigi karton por ke la Arnhem-Domo stampo montriĝu sur ĝi.

Kia vigla centro de Esperantista vivo kaj amikeco !

Oni revenis al Anglujo ŝarĝitaj de lignaj ŝuoj, promesoj pri korespondado kaj belaj memoroj. Unu el la unuaj agoj estis sendi karton denove dankante al Sino Isbrücker kaj ŝiaj filinoj pro iliaj varma gastigado kaj ĉiama zorgado pri ĉiuj bezonoj.

« Ho, se ni ĉiuj povus reiri la venontan jaron ! » oni ekdiris.

C.V.N.

# Kunveno de juristoj, dum la Jubilea Kongreso

La 12-an de Aŭgusto okazis kunsido de juristoj. Ĉeestis s-anoj Georges Azambrel, notario el Maroilles (Franc.), Kazimierz Cohn, adv. el Varsovio (Polujo), Dr. Jean Couteaux el Parizo, Dr. Leopold Dreher, advokato el Krakow (Polujo), Jozef Litauer, advokato el Varsovio, Romano Sakowicz juĝisto el Mlawa (Polujo) kaj magistro Elmo Turi el Napoli (Italujo).

Kiel prezidanton oni elektis S-on Jean Couteaux, kiel sekretarion s-on Dr. Leopold Dreher.

Ĉar diversaj materialoj de ISEJ (Internacia Societo de Esperantistaj Juristoj) troviĝas ĉe s-roj Couteaux kaj Litauer, la sekretario ricevos ĉion por ordigi kaj por ebligi pluan gvidadon de la societo. Kiel organo de la Societo estis elektata « Nia Gazeto ».

La plej proksima laboro de la Societo konsistos en kreo de internacia jurista vortaro (terminaro), kies manko estas ofte sentata. La sekretario estas komisita zorgi pri tia vortareto, kies bazon la esp. juristoj jam posedas en la german-esperanta vortaro de Liebeck kaj en polesperanta terminaro kiu estas en la paperujo de la nova sekretario.

La kotizo de la societo estas fiksita je 1.25 zl. (1 Fr. sv.).

Por la Estraro de ISEJ.
Jean Couteaux, prez.
Leop. Dreher, sekr.

# Dankŝuldo al Louis Braille

Ni ĵus eksciis, ke, laŭ iniciativo de blindulo Paris'a, S-ro Camille Delanerie, oni monkolektas por starigo en la franca ĉefurbo de munumento, dankmemore al Louis Braille. Tiu bonfarinto konsistigis, per reliefaj punktliteroj, la nun tutmonde uzitan alfabeton, dank'al kio povas la blinduloj, almenaŭ intelekte, eliĝi kaj kompensi la mallumon, ĉe kiu ilin katenigas la blindeco : ili ja legas, skribas, studas, korespondadas, kiel la vidantoj...

Ĉiuj esperantistoj konsideru kiel propagandan ŝuld-devon, partopreni tiun honorigon, monoferante, tial ke alia bonfarinto, bedaŭrata Profesoro Th. Cart adaptante al Esperanto la Braille' an alfabeton, forigis la lastan baron — la lingvan — inter la blinduloj de lando al alia.

Kolektas la monoferojn de Esperantistoj F-ino Cécile Royer, 105, rue faubourg Saint-Denis, Paris (poŝta Konto : 257 77 Paris), kiu transdonos kaj antaŭdankas pri eĉ plej malgravaj sumetoj. (Oni bonvolu nepre montri la tialon de la monsendo).

# NIAJ MORTINTOJ

## S-ino Marie Borel

La 20an de Julio mortis en Lyon post longa suferado S-ino MARIE BOREL, edzino de s-ro Emile Borel, estro de la radio-stacio Lyon P.T.T. Tiuj kiuj konis ŝin, admiris ĉiam la senlacan fervoron, kun kiu ŝi laboradis por nia afero. Funebras profunde ne nur ŝiaj familianoj, sed ankaŭ multaj amikoj, por kiuj ŝi estis vera patrino, kaj samideanoj, al kiuj ŝi ĉiam inspiradis kuraĝon, sindonon kaj amon al Esperanto kaj al la Paco. La memoro pri ŝi vivos eterne.

*S-ino Francina Antonetta Moreau*, edzino de la Delegito de UEA en Arnhem, Nederlando, 3 - VIII - 37, 56 jaraĝa.

Al ambaŭ amikoj, S-ro Borel en Lyon kaj S-ro Moreau en Arnhem sinceraj partopreno kaj simpatio en afliktoj.

# Anoncoj Reklamo




**Tarifo : Korespondado :** 2 linioj aŭ 10 vortoj 0,50 Fsv.

**Familiaj sciigoj** esperantistaj senpage

**Reklamo :** Unu linio unu kolona aŭ ĝia spaco 0,25, 1 cm. 0,75 Fsv.

## Korespondado

*Amsterdam* (Nederlando).
S-ro N. Zilver z. Jansestraat 53, PM. PI.

*Mukaĉevo* 3 (Ĉeĥoslovakujo).
S-ro A. Veverka, Internat. ul. 42 ; daŭre interŝanĝas kĉl. PM, PI kun bildoj de signifaj kulturverkoj kaj monumentoj, naciajn kantojn.

Moskvo.- S-ro Nikolao N. Ŝaŝkin, Ĉistie prudi no. 9 kv.l., PI - PM,

*Sowerby Bridge (Angl.)*
S-ro J. Hoyle, Boulderclough serĉas korespondantojn pri mondumaj aferoj. Religiuloj ĉiaj ne skribu. Al ĉiuj aliaj ĉiam mi respondos. Ŝatas fotojn sed ne vidaĵkartojn.

*Torva* (Estonio).
S-ro Eduard Karulin, Valga Tän. 21, L., PM., PI., PK bfl., k.ĉ.l. Certe respondos.

## Poŝtmarkoj

S-ro Ante Marinoviĉ, Del. de UEA en Janjina Jugoslavio, Dalmacio, P. M. k. ĉ. l.

## Vojaĝo al nordo

Sr. Ivan H. Krestanoff, L.K., publicisto, Str. 6. Septembro, 2, Sofia, Bulgarujo, entreprenas post la Jubilea kongreso en Varsovio vojaĝon tra Polujo (15-17-8-37). Danzigo (18.8), Orienta Prusujo (19-20.8), Litovio (21-25.8), Letonio (26-50.8), Estonio (1-5.9), Leningrado (6-10.9), Finnlando (11-17.9), Svedujo (18-25.9), Norvegujo (26-30.9), Danujo (1-7.10), Islando (7-22.10), Portugalujo (23-30.10.37). Li veturas senpage kun studmisio kaj por fini sian ilustritan verkon « Tra Eŭropo per Esperanto ». La esp. grupoj estas petataj profiti la okazon aranĝante publikajn paroladojn kun lumbildoj (fotoj 50) pri « Bulgarujo — la lando de la rozoj kaj centjaruloj » kaj pri Palestino-Egiptujo, kie li estis dum lastaj aprilo-majo.

## La Vipo

naskiĝis en la kliniko de la Literatura Mondo en Aŭgusto 1937.
Genero : la sopiranta popolo kaj la mortinta Pirato.
Edukas :

***

Frapas ĉiumonate.

**Abon prezo de "LaVipo" 3.50 Fr. Sv.**
**Abonebla ĉe UEA Gazetabona Servo**

## Korespondenca Centro Internacia

havigas ĉiaspecajn korespondadresojn, ebligas korespondadon pri ĉiuj temoj kaj kun ĉiuj landoj. Petu detalojn.

**2-e Helmerstraat 22, Amsterdam (Nederlando)**

## Kongresstampoj

Serĉas akiri Esp. kongresstampojn poŝtajn de Praha 1921, de Antwerpen 1928, de Warszawa kaj aliajn. — E. Anderegg-Chevalley, Horn Thurgau, Svislando.

## Oni serĉas

« La Piraton ».

La samideano, kiu dum la Jubilea Kongreso en Varsovio kunprenis (supozeble erare) la binditan « Pirato »-kolekton (malhelverda libro), estas afable petata, resendi ĝin al ĝia posedanto, samideano Hugo Popper, Böhmisch-Kamnitz. Ĉeĥoslovakio.

La sendinto ricevos Kĉ 50,— kiel rekompencon.

**Internacia Transport- kaj Dogan-Oficejo**

## " MORAVA "

**de Radomir Klajić**
*BEOGRAD, Kraljeviĉa Marko 1*

Akceptas ĉiujn internaciajn transportojn, doganadon de varo, re-ekpedicioj, liberigon de dogano, reklamaciojn, donas informojn pri ĉiuj demandoj transportaj kaj doganaj. Korespondas ankaŭ en Esperanto.

Fondinto : H. Hodler, † 1920

Redakcio : Tour de l'Ile, Genève,
Red. : Provizora Komitato de U E A
Presis : Granchamp,
Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)
Dato : 12 Sept. 1937